# esperanto

MAJO 1960
53a JARO

REVUO INTERNACIA N-RO 654 (5)



*Fondinto :* H. HODLER

**Honora Redaktoro :** HANS JAKOB

**Ĉion por la redakcio** oni sendu al la Redaktorino : S-ino Kirsten Zacho, Randbølvej 4, København, Danlando.

**Ĉion pri administrado de UEA** kaj de la revuo Esperanto (abonado, reklamoj, anoncetoj) sendu al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, Eendrachtsweg 7, Rotterdam-2, Nederlando. Telefono : Rotterdam 128313. Ĝirkonto : 378964 TELEGRAMADRESO : ESPERANTO ROTTERDAM.

**Ĉiu materialo por difinita numero** devas atingi respektive la redakcion aŭ la Centran Oficejon (vidu supre) **antaŭ** la 1-a de la antaŭa monato.

**Bankisto de U.E.A. :**
R. Mees & Zoonen, Blaak 10, Rotterdam-C.





**Jara abono (1960) :** 9,50 n.gld. (kun membreco kaj jarlibro 12,50 n.gld.). Ĉefdelegitoj kaj Perantoj en multaj landoj.

**Tarifo por reklamoj :**
1 paĝo 128,— gld 1/2 paĝo 64,— gld 1/4 paĝo 32,— gld 1/8 paĝo 16,— gld 1/16 paĝo 8,— gld

**Anoncetoj pri korespondado :**
0,15 gld por unu vorto aŭ 1 int. respondkupono por ĉiu duo da vortoj.

**Legantoj en 80 landoj.**





**Centro de Esploro kaj Dokumentado**
77, Grasmere Avenue, Wembley, Middlesex, Britujo, Telefono : ARNold 90-81.

**Serva Centro,** Palais Wilson Genève. Svislando.
Honora Administranto : Hans Jakob. Telef. 32.30.34.


**LA FRONTPAĜA BILDO :**

Rotterdam (vidu p. 81, 82, 97).

## Enhavo




**Manuskripto** por "Esperanto" estu liveritaj al la redakcio en du ekzempleroj. Ili devas esti klare tajpitaj en perfekta Esperanto. Oni skribu sur nur unu flanko de la papero (prefere en normformato A4), kun interlinia spaco kaj kun tre larĝa marĝeno maldekstre por redakciaj instrukcioj al la presisto. Supersignitaj literoj devas havi la ĝustajn supersignojn, se necese permane aldonitajn. Neuzotajn manuskriptojn oni resendas nur kontraŭ afranko aŭ respondkupono.



**OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

(EN KONSULTAJ RILATOJ KUN U.N.E.S.C.O.)

# Decidoj de la printempa estrara kunsido

La Estraro de U.E.A. kunsidis la 8-an kaj 9-an de aprilo 1960 en la Centra Oficejo en Rotterdam. La laboro daŭris 21 horojn. Oni pritraktis 35 apartajn temojn kaj protokolis ĉirkaŭ 100 decidojn. Ĉeestis Prof. D-ro G. Canuto, Prezidanto, S-ro H. W. Holmes O.B.E., Vic-prezidanto, Prof. D-ro I. Lapenna, Ĝenerala Sekretario, D-ro W. Herrmann, Inĝ. A. Rajski kaj S-ro Norman R. Smith. Ankaŭ ĉeestis F-ino M. H. Vermaas, la Direktorino de la C.O. kaj S-ino K. Zacho, la Redaktorino de la revuo "Esperanto". Por la diskuto pri kongresoj ĉeestis la kunsidon S-ro M. Jaumotte, Prezidanto de la Brusela L.K.K., kaj S-ro G. C. Fighiera, K.K.S. Por la financaj aferoj ĉeestis S-ro B. C. Storm, sendependa financa konsilisto al la Asocio. S-ro Llech-Walter anoncis, ke malsano malhelpis lian alvenon kaj Prof. Yagi ne povis veni el Japanujo.

La Komitato kaj la Estraro laboris per cirkuleroj kaj leteroj de post la kongreso en Varsovio kaj faris plurajn skribajn decidojn.

Tuj en la komenco de la kunsido la Estraro pritraktis la ampleksan Estraran Raporton, verkitan de la ĝenerala sekretario. Post detala konsidero de la unuopaj punktoj ĝi estis akceptita en definitiva formo por esti prezentota al la Komitato en Bruselo.

La Estraro konstatis kun plezuro ke por la dua fojo sinsekve la spezkonto de la Asocio montras, kvankam malgrandan, tamen pozitivan rezulton. La kapitalo pliiĝis per sumo de 203,23 dolaroj el la heredaĵo Johns. La Varsovia kongreso efike kontribuis al la financa sukceso. Efektive, la kotizoj per si mem neniel kovras la elspezojn de la Asocio, kiuj grandiĝas paralele kun la ampleksiĝo de la agado.

La fina raporto pri la Zamenhof-Jaro montras, ke ĝi sukcesis kontentige kaj donis plian impeton al la disvastiĝo de la Internacia Lingvo. La oficiala honorigo flanke de UNESKO ebligas pluan agadon. La Estraro ankoraŭfoje konstatas la altkvalitan laboron de C.E.D., kiu multe kontribuis al la Zamenhof-Jaro kaj al la efika kunlaboro kun UNESKO.

La Revuo restos 20-paĝa kaj konservos la nunan modernan kovrilon. *Belarto* aperos duafoje dum 1960. En sia eldona agado la Asocio aparte atentos antologiojn kaj unuarangajn tradukajn verkojn. Oni daŭrigos kaj intensigos la klopodojn pri la libro-serio "Oriento-Okcidento", kies unua volumo estos baldaŭ anoncita.

La Estraro aprobis la programon de la Brusela Kongreso kaj konstatis ke ĝia laboro bone evoluas.

Por la U.K. en 1961 la Estraro ricevis invitojn de Londono kaj Harrogate en Britujo. Post detala konsidero ĝi elektis Harrogate, negranda urbo speciale aranĝita por kongresoj, kies urbestraro jam promesis kunlaboron kaj praktikan subtenon. Oni pripensos modifon de la kongresprogramo por fari ĝin en kunligo kun la unua "Internacia Esperanto-Artfestivalo". La Estraro principe akceptis inviton de la Japana Esperanto-Instituto por kongreso en Tokio en 1965. Estos kreita rezerva kaso por helpi en la eksterordinaraj elspezoj de la Asocio, kiujn certe kaŭzos tiu fakto. La kongreso en Tokio ankoraŭ pli konkrete ilustros la tutmondecon de Esperanto kaj multe helpos al la plua disvastiĝo de la lingvo en Azio.

Nia agado en la oriento bone progresas pro la laboro de S-ro Tibor Sekelj kaj S-ino Haudebine. La jam raportita ellerno de Esperanto fare de Vinoba Bhave estas aparte ĝojiga.

La Lerneja Kampanjo, la ĉefa aktiveco de U.E.A. en la venontaj jaroj, jam ekfunkciis, sed estas tro frue raporti detalojn. La agado en la kampo "Esperanto kiel Baza Lingvo", gvidata de S-ro E. Malmgren, portas bonajn fruktojn. La Asocio nun disponas pri malmultekosta lernolibro "Privilegia Vojo", verkita de Vilho Setälä, kies rekta metodo aparte taŭgas por uzo en landoj sen multaj instruistoj. Oni unue klopodos pri la araba versio.

La unua ekzameno de la Internacia Ekzamena Komisiono okazos dum la Brusela Kongreso. La diplomo nomiĝos : "Internacia Diplomo pri Supera Instrukapablo de la Internacia Lingvo Esperanto".

La Asocio estis sukcese reprezentita pere de Prof. E. Privat kaj S-ro H. Jakob en la Konferenco, organizita de UN en Ĝenevo, pri kontraŭbatalado de Antaŭjuĝoj kaj Diskriminacio; pere, de S-ro G. C. Fighiera en la "Internacia Kongreso de Organizantoj kaj Fakuloj de Internaciaj Kongresoj", dum Prof. I. Lapenna reprezentis ĝin ĉe Unesko.

Dum la tuta kunsido estis evidente al la Estraro ke la Movado tre bone progresas kaj aktivas en la plej diversaj lokoj, ĉu oriente, ĉu okcidente. Pro sia rigora neŭtraleco U.E.A. sukcesas en ĉiuj landoj, senkonsidere al politiko aŭ religio. La entuziasma subteno de la tutmondaj esperantistoj al la planita laboro de la Asocio estas ĝojiga kaj plej kontentiga rekompenco al la Estraro kaj oficistoj.

*N. R. Smith*

# Seminario por Ĉe-metodaj Instruistoj

en kunligo kun la 45-a Universala Kongreso de Esperanto

*Bruselo (Belgujo), 27-30 julio 1960*

Same kiel en la antaŭaj jaroj, denove okazos seminario por Ĉe-metodaj instruistoj de Esperanto antaŭ la Universala Kongreso, nunjare en la belga ĉefurbo Bruselo, dum la tagoj 27—30 de julio.

*LA ĈE-METODO*

Pri la Ĉe-metodo, ĝiaj principoj, ĝia aplikado, ĝia efikeco, ĝia disvastiĝo kaj ĝiaj sukcesoj oni jam multon publikigis en la esperanta gazetaro. Fakto estas, ke kurso gvidata de bona instruisto laŭ tiu metodo signifas por la lernantoj serion da gajaj vesperoj, kaj tial neniu forlasas la kurson antaŭ la fino; male, la nombro de la kursanoj kreskas de leciono al leciono, kaj tial la organizantoj de la kurso preferas fari la fotografadon ĉe la fino de la kurso, anstataŭ ĉe la komenco.

La partoprenanto de tia kurso havas la impreson, ke la instruisto kvazaŭ lude donas siajn lecionojn, — sed ni devas akcenti ĉi tie, ke la tasko de la Ĉe-instruisto estas tre peza kaj ke li aŭ ŝi devas posedi multajn kvalitojn, precipe tiu, kiu deziras labori en fremda lando.

Unue, la instruisto devas esti ankaŭ bona propagandisto, li devas viziti redaktejojn de gazetoj, fari propagandajn paroladojn, havi bonan humoron kaj spritecon kaj...... scii parkere la tutan materialon de la kurso, kiun li trovas en la multobligita kursteksto. La ŝajna ludo por la lernantoj estas tre serioza laboro por la instruisto, ĉar ĉiu vorto devas esti pripensita kaj devas esti uzata en la ĝusta sinsekvo. Li ne rajtas uzi vorton, kiu ne estis instruata en la antaŭaj lecionoj, kaj li devas klarigi la novajn vortojn per la jam pli frue instruitaj, ĉar li ne rajtas uzi la nacian lingvon. Tial en la unuaj du lecionoj li devas havi la helpon de tradukisto, kvankam nur en malmultaj fojoj.

La esperantistoj, kiuj volas prepari sin al tiu tasko, devas komenci la instruadon en la propra urbo aŭ lando, por ekzerci sin kaj akiri spertojn. Kiam li estas kun sukceso elprovita, tiam li povas iri al eksterlando.

La dua mondmilito estis la kaŭzo, ke nur malmultaj Ĉe-instruistoj povis daŭrigi sian laboron. Nun, 15 jarojn post la finiĝo de la milito, venis la tempo, kiam en vastaj rondoj oni komencas kompreni la necesecon kaj valoron de Esperanto, kaj nun estas la tasko de ni ĉiuj, prepari nin, por ke ni estu pretaj respondi al la bezono je taŭgaj instruistoj. Ni devas antaŭvidi, ke la ĉiam pli fortiĝantaj esperantistaj organizaĵoj en la tuta mondo bezonos grandan nombron da instruistoj, kaj ni devas antaŭvidi ankaŭ, ke Esperanto-instruistoj ekiros al regionoj, kie Esperanto ankoraŭ ne estas konata, por tie fari pioniran laboron.

*LA SEMINARIO*

La seminario, organizata sub la aŭspicioj de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto kaj gvidota de s-ro *Andreo Ĉe* mem, okazos dum kvar tagoj (27—30 de julio 1960) en la *Reĝa Ateneo*, en la centro de la urbo Bruselo. La lecionhoroj en ĉiuj kvar tagoj : 9,30—13,00 kaj 15,00—18,00, ĉiam kun paŭzo en la mezo.

La *kotizo* por la partopreno en la seminario kaj ricevo de atesto pri la partopreno estas 40.— steloj.

La *aliĝon* kaj la kotizon oni sendu al : *Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.* La pagon oni povas fari ankaŭ al la poŝtkontoj de la nomita Instituto (Den Haag 162626, København 34941) aŭ al la poŝtkontoj de Universala Ligo (Köln 161031, Roma 1/35112, Stockholm 74175) aŭ al la landaj reprezentantoj de Universala Ligo.

La *loĝejon* oni mendu pere de la Kongresa Oficejo en Bruselo.

Oni aliĝu kiel eble plej baldaŭ por ke estu faritaj la necesaj preparoj laŭ la nombro de la partoprenontoj.

*Julia Isbrucker*

---

# Koresponda Servo Mondskala Alvoko

Kiel konate, ĝis antaŭ nelonge tre bone funkciis la Koresponda Servo Mondskala sub la gvidado de S-ro Daniel Luez en Laon, Francujo. Bedaŭrinde, tiu fervora kunlaboranto ne povis daŭrigi la Servon pro siaj nuntempaj novaj studoj, kiuj forrabas de li ĉiun liberan minuton. Tial, en la lasta tempo pluraj personoj ne plu ricevis akuratan respondon kaj nova funkciulo estas urĝe serĉata.

Por ĉiu kiu vere interesiĝas pri la movado, ĝi estas agrabla kaj kontentiga laboro. Interesitoj bonvolu anonci sin al la Centra Oficejo de U.E.A., Eendrachtsweg 7, Rotterdam 2.

*Kondiĉoj :* La proponanto havu je dispono unu plenan horon ĉiutage por la laboro de la Servo; li aŭ ŝi disponu pri skribmaŝino kaj pro praktikaj kialoj prefere loĝu en Okcident-Eŭropo.

En sia proponletero oni indiku la jenajn detalojn: Nomo, adreso, aĝo, okupo, mallongaj informoj pri Esperanto-kariero, referencoj.

Por pliaj informoj pri la funkciado de la K.S.M. oni relegu pp. 110-111 de Jarlibro 1959, Unua Parto.

Kiu pensiito aŭ senofica edzino aŭ alia kapabla bonvolulo kun iom da libera tempo proponas sin ? Atendas viajn leterojn la

Direktorino de la C.O.

---

# ROTTERDAM

*La kovrilpaĝo, farita laŭ foto de konata nederlanda fotisto* Cas Oorthuys, *aperinta en granda fotolibro* "ROTTERDAM, DYNAMISCHE STAD" *kaj bonvole disponigita de la eldonejo* "Contact", *trafe bildigas la dinamismon de tiu ĉi energiplena urbo, kiu donas hejmon al la sidejo de U.E.A. Oni rimarkos, ke ĉiuj moviĝantaj personoj sur la foto ne promenetas, sed celkonscie iras ien.*

*Ne povus esti pli taŭga karakterizo por tiu ĉi numero de nia Revuo, kiu enhavas raporton pri la printempa Estrarkunsido. Dum ĉiuj traktadoj de tiu laborplena kunsido konvinke montriĝis la hodiaŭa dinamismo de la Asocio kaj ĝia firma iro al konkretaj celoj.* *Dir. C.O.*



# KIAM OKAZOS UNIVERSALA KONGRESO EN TOKIO?

***Prof. D-ro Hideo Yagi, Vic-Prezidanto de UEA***

La Universala Kongreso de Esperanto estas internacia manifestacio de la Esperantistaro kaj okazas unu fojon en ĉiu jaro. De 1905, en kiu la unua Kongreso havis lokon en Bulonjo-sur-Maro, pasis jam 55 jaroj kaj 1960 festos la 45-an Kongreson en Bruselo. Ĉiuj estis okazigitaj en Eŭropo krom du, nome la 6-a, 1910, en Vaŝingtono kaj la 11-a, 1915, en San Francisko, ambaŭ en Usono. Por montri universalecon de nia lingvo estas dezirinde, ke UK havu lokon en diversaj kontinentoj. Tio ankaŭ helpos vigligi nian movadon en koncernaj regionoj. "UK en Tokio en proksima estonto" estas espero de Japanaj esperantistoj. La sonĝo estas nun realiĝonta. Verda stelo eble brilos en la lando de la leviĝanta suno.

Ĉeestante la 39-an Kongreson en Haarlem, mi renkontis multajn geamikojn, kiuj malkaŝis al mi deziron veturi al Tokio, se Japanujo invitos UK. En 1958 mi partoprenis la 43-an Kongreson en Mainz kaj tiam sentis per mia haŭto atmosferon, kiu akcelis min al la invito. Estraranoj de UEA petis al mi preparon kaj promesis sian eblan helpon.

Survoje hejmen mi desegnadis diversajn konturojn de la projekto. Estas al mi grava tasko kaj peza ŝarĝo. En Tokio mi konsiliĝis kun oficistoj de Japana Esperanto-Instituto. S-ro Mijake, Direktoro de JEI, volonte donis konsilon al mi. S-ro Ossaka, Honora Membro de UEA, kuraĝigis min. Post diskuto mi prezentis proponon al nia 46-a Japana Esperanta Kongreso en Tokio en aŭgusto 1959, ke ni organizu "Preparan Komitaton" en JEI, kiu pristudos eblecon inviti UK al Tokio en proksima jaro. Mia propono estis unuanime aprobita. La Prepara Komitato konsistas el ĉiuj delegitoj de UEA en Japanujo kaj al ĝiaj oficistoj apartenas Yagi, Prezidanto, S-ro Mijake, Tokio, kaj S-ro Ŝindo, Osaka, kiel Vic-Prezidantoj kaj S-ro Satojoŝi, Tokio, kiel Sekretario.

En kiu jaro do ni invitu UK al Japanujo? Komence ni preferis la jaron de la Internacia Olimpia Konkurso en Tokio 1964, pensante ke vizitantoj volus ĉeesti ambaŭ kunvenojn kaj planis alproksimigi ilin en la dato. Baldaŭ montriĝis tiu ĉi ideo malbona, ĉar Esperanto-Kongreso droniĝus en pligranda sporta festo kaj malmulte efikus al propagando. S-ro Fighiera, KKS, aludis al mi okazigon en 1963. Por fiksi tiun gravan aferon, la Prepara Komitato kunsidis la 13-an de Novembro 1959 en Tokio kaj faris principan decidon, ke 1965 estas preferinda. Nun, Japanujo rapidas en tuta lando sin prepari al la Olimpiaj Ludoj. Hoteloj estas nove konstruataj, malnovaj gastejoj riparataj, ĉefvojoj renovigataj ktp. Difekto kaŭzita de la milito estos plibonigita ĝis la Konkurso. En sekvonta jaro tute nature esperantistoj vidos plibonigitan Japanujon. En plena tualeto ŝi ridetos al la Esperanto-gastoj!

Alia procedo restas al mi ĝis la fina decido. Laŭ promeso nia Prepara Komitato devas raporti al nia 47-a Japana Kongreso rezulton de nia esploro pri ebleco de okazigo kaj prezenti materialojn necesajn por UK en Tokio. Se tiu Kongreso aprobos nian klarigon kaj subtenos nian projekton, la afero fariĝos efektiva, kaj ni aliros al la dua





procedo peti al Urbestro de Tokio sendi oficialan inviton al la Centra Oficejo de UEA. La ĉijara kongreso japana okazos en aŭgusto ĉe Maebaŝi kaj tial mi antaŭvidas ke mi povos plenumi tiun procedon ĝis la fino de tiu ĉi jaro. Tiam transformiĝos la Prepara Komitato al la Loka Kongresa Komitato.

Prof. Lapenna skribis al mi : "Laŭ mia opinio, estas necese fari la principan decidon tre baldaŭ, por ke kiel eble plej multe da personoj povu komenci ŝpari por tiu longa vojaĝo el Eŭropo al Japanujo".

Mi esperas ke multaj esperantistoj venu al Tokio kaj por tiu celo komencu monŝparon jam de nun Ilin atendos lando de natura belo, taŭga por turismo kaj plena je antikva historio. Mi konscias ke mia devo estas granda kaj ĵuras al mi fari mian eblon labori por la afero. Ni revu, kiel epokofaranta estos UK en Azio en la longa historio de Esperanto-movado, kaj ni agu kunhelpante por realigi la revon.

## *La Agado de A.P.O.*

Jam mi rakontis detale por la legantoj de ESPERANTO pri la instruado de nia lingvo al Vinoba Bhave dum marŝado tra Raĝastano en Hindujo. Tiu agado apartenas al la ĝenerala plano kiun mi sekvas kiel komisiito por APO flanke de UEA. Sed la agado de APO neniel finiĝas tie.

Jen kion ni faras :

DELHI. S-ino Haudebine, membro de APO jam la duan jaron gvidas kursojn en Delhi. Kiel rezulto de ŝia laboro almenaŭ 5-6 personoj jam paroletas la lingvon, kaj pluaj 15 estas ligitaj al la movado. Ŝi gvidas po unu kurson en Nova kaj en Malnova Delhi, kun ĉ. 40 gelernantoj.

Dum mia restado en Delhi mi kunvokigis ĝeneralan jarkunvenon dum kiu ni sukcesis unuigi la iom disigitajn grupetojn. Ni klopodos starigi societan vivon por la praktikado de la lingvo, kaj ankaŭ korespondan kurson por instrui la enlandanojn, rezulte de miaj prelegoj en ses urboj dum mia marŝado kun Vinoba Bhave. En Delhi kaj en New Delhi ni festis la Zamenhof-tagon kun granda sukceso. Ĉirkaŭ 90 gazetoj de Hindujo publikigis artikolojn, intervjuojn aŭ notojn pri Esperanto.

NOVAJ SOCIETOJ : En Kalkata kaj en Allahabad mi faris po tri prelegojn kaj gvidis dusemajnajn intensivajn kursojn, dum po du horoj ĉiutage, kaj fine de la kurso fondis du novajn societojn kun 18 membroj en Allahabad kaj 27 en Kalkata. Ambaŭ novaj societoj disponas pri ejo por kursoj kaj kunvenoj, kaj estas favorataj de du prestiĝaj kulturaj institucioj.

JAPANUJO. Nuntempe mi vizitas Japanujon, kun la celo kunligi la poresperantan laboron en la tuta azia kontinento. Jam pluraj ĵurnaloj raportis pri mia vizito, kaj mi parolis en populara televida programo de Tokio en Esperanto.

AFRIKO. Ĉar la agado de APO estas projektita por antaŭenpuŝi la movadon ankaŭ en Afriko, F-ino Elsie Parson, malnova membro de APO, ekvojaĝis al Maroko por tie gvidi kursojn, laŭ invito de S-ro Thollet. Nun ŝi tie jam eklaboris.

KONTRIBUO. Mi tre dankas al ĉiuj, kiuj per siaj donacoj kuraĝigas kaj helpas nian agadon. Same al s-ro P. Zacho, kiu tiel fervore kaj kapable kolektas poŝtmarkdonacojn kaj transformas ilin en monon, kiun mi intencas uzi por helpi pluan kapablan esperantiston aliĝi al nia laboro. Ĉar kiel jam dirite, la agadkampo estas tre vasta, kaj se ni deziras rapidan progreson, ni devas envicigi plurajn novajn fortojn en la vicojn de APO.

*T. Sekelj*

## La tuta mondo venos al vi

per duhora sonbendo, kiun mi ĵus kompilis el la 82 ĝis nun haveblaj programoj de la ĝisnuna kolekto de la Magnetofona Servo de UEA. En tiu programo mi priskribas la enhavon de la unuaj 82 programoj kaj aŭdigas fragmentojn el ĉiuj. Krome mi babilas pri aliaj manieroj por utiligi sonbendojn, pri domolernado ktp. Por stimuli la aĉetadon de sonbendoj kaj por plifaciligi la elekton de taŭgaj programoj, mi vendas tiun sonbendon je speciale favora prezo de $ 3.00 (inkluzive sonbendmaterialo). Bonvolu antaŭpagi tiun sumon rekte al mi aŭ mendu pagante al mia germana poŝtĉekkonto GM 12.60 (R. Eichholz, Oakville, Ont. Kanado. Konto Hannover 11 7368). Certe interesa bendo per kiu oni povas aŭdi la voĉojn de esperantistoj el ĉiuj kontinentoj.

*Rüdiger Eichholz*
*Komisiito de UEA pri la Magnetofona Servo*
*ESPERANTO PRESS, Oakville, Ontario, Kanado.*

# „ESPERANTOLOGIO"

Unu el la plej bedaŭrindaj mankoj en la esperanta publicado dum la lastaj jaroj estas plenigita per la reapero de "Esperantologio". Tiu revuo vere estas "la voĉo de nia animo" inter lingvistoj; en sciencaj bibliotekoj ĝi ofte estas la ununura esperanta publikigaĵo abonata. Mi dum longa tempo malĝojis en nia urba biblioteko vidante ĝian fakon malplena. Pri la kaŭzo de la neapero oni nenion informas; certe la regula aperado en la estonto dependas de la aĉetemo de lingve interesitaj esperantistoj. Ni havos la sorton kiun ni meritos: se ni ne sufiĉe subtenas "Esperantologion", ni riskas perdi nian solan lingvistikan revuon.

La dua volumo komenciĝas per kajero pli ol 70-paĝa, densege ŝtopita per interesaj artikoloj. Spaco kaj tempo permesas al mi nur supraĵe tuŝi la temojn.

Certe Zamenhof pravis, ĉerpante la plej grandan kvanton de vortradikoj el la latina kaj la latinidaj lingvoj. Pro la grandega lingva kaj kultura influo de la Romanoj, la latinidaj vortoj enpenetris ankaŭ ĝermanajn (plej la anglan, malplej la islandan) kaj slavajn lingvojn. Nova komuna lingvo — se ĝi entute baziĝas sur aposterioria materialo — tial devas esti speco de moderna latino. Sed, kontraste al postaj naturalismaj projektoj, Esperanto enhavas sufiĉe multnombrajn ĝermanajn radikojn. Tiuj estas la temo de la unua artikolo. Kiu povus pritrakti tiun temon pli bone ol W. E. Collinson, estinta profesoro de germana lingvo? Estas kompreneble, ke interesas nin plej la ĝermanaj radikoj akceptitaj de Zamenhof mem. Kial prof. C. ne esploris la tutan zamenhofan materialon, mi ne komprenas. Lia materialo estas ĉerpita el ŝlosiloj de la intermilita epoko; en la unuopaj kazoj oni do ne scias ĉu la traktata vorto estas zamenhofa (kiel sendube la plej multaj estas) aŭ posta. Tiu neglekto estas makuleto en la alie tre kontentiga traktaĵo. La leganto informiĝas pri la formoj de la koncernaj radikoj en diversaj ĝermanaj lingvoj (la dana reprezentas la skandinavajn). Estas okulfrape, ke la nederlandaj formoj (kun aŭ sen scio de Zamenhof) ofte apogas la esperantajn radikojn, ekz. *wang* = vango, *snoer* = ŝnuro. Montriĝas, ke ne donas rezulton serĉi ĝermanan influon en specialaj senckategorioj (por la korpopartoj, ni ekz. havas latinidan *man* apud ĝermanan *fingr*, latinidan *okul* apud ĝermanan *brov*), eble kun escepto de priŝipaj vortoj, kie ĝermanaj radikoj tre superregas (*ŝip, mast, boat*). Ne, Zamenhof havis tute aliajn motivojn por elekti ĝermandevenajn vortojn. Precipe ili servas por eviti eblajn konfuzojn kun jam antaŭe elektitaj radikoj (*jar*: lat. *annus* ne taŭgas, ĉar Esp. havas la sufikson *-an-*). La artikolo de prof. C. donas tre bonajn motivigojn de tiu speco por multaj radikoj. Kelkaj neklaraj kazoj restas: estas iom strange, ke Zamenhof preferis *ŝajn* ol it. *sembrar*, fr. *sembler;* kial *bedaŭr* (nur germana) estis preferata ol *regret-* (latinida kaj angla)? La ĝermanaj lingvoj plue kontribuas al nia lingvo per vortoj kiuj ne havas bonajn ekvivalentojn en la latinidaj idiomoj: *veter, bak, taŭg, rajd, ja.* Fine, kelkaj ĝermanaj vortoj enpenetris en la francan, italan kaj hispanan; ili havas naturan lokon en la Internacia Lingvo: *blu, brun, nord, sud.* La artikolo finiĝas per la tute ĝusta aserto, ke Esperanto ne devas honti pro siaj ĝermanaj elementoj. Elekto de radiko en multaj kazoj estas pure praktika afero. La plej multaj el niaj ĝermanaj radikoj bone plenumas la kondiĉojn de belsono kaj elvokiveco. Ĉiuj aludoj pri "hibrideco" devas forfali pro tiuj faktoj. Entute la artikolo estas tre konsiderinda kontribuo al la kompleta esperanta etimologio, kiu iam devas esti ellaborata. Ĝi devus esti sekvata de simila traktaĵo pri la (malmultaj) slavdevenaj radikoj. (Ankoraŭ nur kritiketo: ĉu vere la radiko *fart,* nur pro tio ke la samsona *angla* vorto havas neagrablan signifon, pli kaj pli estas anstataŭata de *san?* Almenaŭ mi tute ne rimarkis tion. Ŝajnas, iom ridinde konsideri tiajn sonkoliziojn, kiuj ja estas tute neeviteblaj. Same ni svedoj povus protesti kontraŭ *kuko.* Sed kiam la radiko alprenis esperantan finaĵon, ĝi certe perdas multon de la "honta" asocio.)

La "eterna" problemo de la karaktero de la esperantaj radikoj (ĉu neŭtralaj aŭ ne?) alproksimiĝas al oficiala solvo. Pri tio ni legas en la eleganta artikolo de la akademiprezidanto "Pri la vortfarado en Esperanto". Li tre klare skizas la historion de la tenaca problemo (ekde Couturat 1907 kaj de Saussure 1910) kaj poste montras — laŭ mia opinio nerefuteble — ke la diversaj radikoj havas gramatikan karakteron (*frat* estas substantivo, *akr* adjektivo, *aĉet* verbo). Tio estas konforma al la eldiro de Zamenhof en Fundamenta Krestomatio, ke ĉe la formado de la vorto *fratino, frat* egalas al "frato", *in* al "virino" kaj *o* al "kio estas, ekzistas". Ĝuste s-ro Isbrucker deklaras: "Ne estas al mi klare, kiel oni povas precize difini la signifon de la radiko *aĉet,* se ĝi ne estas la verbo *aĉeti".* Interesa paralelo ja estas la prahindeŭropaj radikoj, kiuj ja estas la plej malgrandaj eroj sencohavaj en la hindeŭropaj lingvoj. Neniu lingvisto, laŭ mia scio, kuraĝis nomi ilin "neŭtralaj"; por bone difini ilian signifon, oni devas atribui al ili gramatikan karakteron (ekz. *bher* = porti, *bhru* = brovo). Do ŝajnas, ke de Saussure post multaj jaroj ricevos oficialan pravigon kontraŭ Höveler, kiu pledis por la neŭtraleco de la radikoj. Ĉiuokaze estas tre ĝojige, ke la akademio denove kaj defini-

tive esploros la demandon. Pli bonan enkondukon kaj klarigon ol tiun ĉi artikolon oni ne facile povus trovi.

Ankaŭ d-ro A. Albault pritraktas la esperantan vortfaradon, sed el pli praktika vidpunkto: ĝia dinamiko (t.e. la natura spontana formiĝo de vortoj) estas la temo de lia artikolo. Kredeble ni ĉiuj spertis la samon : en certa situacio la esperantisto, kiu posedas la lingvon, povas krei antaŭe neaŭditan vorton, tamen tute klaran kaj adekvatan. Tia spontaneco estas neebla en naciaj lingvoj, kie ĉiu aktiva kreado estas malpermesita de la tradicio. La elirpunkto de tiu ĉi eseo estas eldiro de trijara infano : "La ŝipo manĝiĝis ! Ĝi *malmanĝiĝos*, ĉu ne, Paĉjo ?" La aŭtoro substrekas, ke la strukturo de Esperanto permesas al ĝiaj uzantoj fari novajn vortojn por novaj neatenditaj situacioj. Inter la artefaritaj lingvoj, nur Esperanto havas tiun econ en plej alta grado. Occidental-Interlingue, kun sia sklava imitado de okcident-eŭropaj formoj, ne permesas liberan uzadon de la afiksoj. (Interlingua eĉ enkorpigis la latinidajn vortojn tute pretaj, sen konsidero al afiksa sistemo.) En la saman kategorion la aŭtoro metas Volapük, dirante, ke "la volapukaj afiksoj havas fiksan formon, ili ne havas determinitan signifon". La komparo Volapük-Occidental certe ŝokas kelkajn; mi ankaŭ iom ĉagreniĝis, sed pro tio, ke la aŭtoro laŭ mia opinio estis iom nejusta al Volapük. En tiu lingvo oni devas distingi du kategoriojn de sufiksoj : 1) sufiksoj kun difinita senco, ekz. *-av* (scienco), *-el* (ano), *-em* (aro); 2) sufiksoj nur vortformaj, ekz. *-ed*, *-ät*, *-ot* (-ef, menciita de la aŭtoro p. 49, ne ekzistas). La unua tipo estis uzebla en Volapük tute sammaniere kiel la esperantaj afiksoj; la dua tipo nur servas kiel apogo al la memoro *(pen* = plumo, *pened* = letero). Tial estas erare, ke la sufikso *-av* estas kondamnita kiel nur forma; ĝi havas fiksan signifon. Volapük do en tiu rilato ne estas egala al Occidental, sed pli bona ol Occidental ! — Mi diris, ke naciaj lingvoj ne permesas analogan kreadon de vortoj. Sed eble oni devas escepti certajn neokcidentajn lingvojn de aglutina tipo; d-ro Albault mencias interesajn ekzemplojn el la japana kaj la armena. En la modernaj sciencaj nomenklaturoj, ankaŭ la okcidentaj lingvoj akceptis iom da "esperantismo" en tiu senco, tiel ke "por nova ideo, principe jam estas antaŭpreta la necesa formo !" (p. 53).

D. B. Gregor, jam bone konata en la esperantologia kampo, verkis artikolon kun la titolo "La kondicionalo"; la presita parto tamen estas nur preludo, kaj la esperanta kondicionalo ne estas pritraktita. Li donas lertan skizon pri la evoluo de tiu tempo (aŭ modo ?) en diversaj eŭropaj lingvoj. Restas tamen vidi, kiun kunligon tiu priskribo havas kun la esperanta responda formo. Ne sen scivolemo oni atendas la daŭrigon.

D-ro Privat rimarkis, kiel multaj el ni, ke inter persono parolanta sian propran lingvon ("hejmulo" laŭ lia terminologio) kaj alia parolanta la saman lingvon sed ne havante ĝin kiel propran ("fremdulo") okazas ĝenoj, miskomprenoj. Tiuj ĝenoj forestas ĉe esperanta kongreso, kvankam la lingvo estas parolata nur de "fremduloj". En la artikolo "Kelkaj rimarkoj pri uzado de fremdaj lingvoj" d-ro Privat instigas al pluaj esploroj sur tiu neglektata tereno. Oni tre malmulte aŭdas pri lingvaj eraroj faritaj de "fremduloj"; tiuj eraroj estas hontindaj, oni evitas paroli pri ili. Sed ni esperantistoj devas akcenti, ke la tre neperfekta uzado de naciaj lingvoj fare de fremduloj estas unu el la plej fortaj argumentoj por neŭtrala lingvo. Ni tamen ne atendu, ke indiferentaj eksteruloj faros la bezonatajn esplorojn; ni faru ilin mem.

Fine, la kajero enhavas du koncizajn komunikojn : prof. Kawasaki raportas pri la malfaciloj por japanoj elparoli Esperanton (feliĉe ne nesupereblaj); kaj prof. Sirk (kiu antaŭ nelonge tragike mortis) verkis pri la distingo *de/per* : li montras, ke la elekto de prepozicio ofte ne estas certa, ĉar ĝi dependas de la imagmaniero de la verkanto (ekzemploj estas ĉerpitaj el lia prelego "Ĉu oni povas vidi la atomojn ?").

Kelkaj mankoj en tiu ĉi kajero ? Jes, unu tre grava : La bibilografio de esperantologia literaturo, kiu antaŭe atingis la jaron 1948, ne estas daŭrigata en tiu ĉi volumo, kvankam ja la longa paŭzo faras tian daŭrigon tre urĝa.

Entute la kajero eble ne atingas la nivelon de la plej bonaj de la unua volumo (kelkaj el la artikoloj estas iom babilaj), sed ĝi sendube reprezentas tute kontentigan sciencecon. Ni batalas je multaj frontoj; en la pure lingvistika batalo, "Esperantologio" estas armilo kiu ne povas esti ignorata.

*Doc. Ebbe Vilborg*

ESPERANTOLOGIO aperas per kajeroj 50-80 paĝaj, formantaj volumon 250-300-paĝan. La kajeroj estas eldonataj laŭ la cirkonstancoj, unu volumo kovranta ĉ. 3 jarojn. Jen sekvas listo de perantoj kaj abonprezoj. Kie ĉe lando ne estas indikita kotizo validas la baza kotizo, kiu estas por la dua volumo 6 us. dol.

*Por ĉiuj landoj :* Universala Esperanto-Asocio, Eendrachtsweg 7, Rotterdam, Nederlando.

*Aŭstrujo* (130 ŝ) : D-ro Hermann Ölberg, Institut für Sprachwissenschaft, Universität Innsbruck, Innsbruck.

*Belgujo* (250 b.fr.) : S-ro Paul Callewaert, Wandelingstraat 29, Kortrijk.

*Britujo:* (35 sh): S-ino M. C. Major, 1, Pembridge Square, London W. 2.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato, Blanická 4, Praha 12.

*Danlando* (35 d.kr.) : Administracio de Esperantologio, S-ro Eskil Svane, Lindegaardsvej 28 C, Kopenhago-Chl.

*Finnlando* (1700 m) : S-ro K. Jokinen, Pajupillintie 26.B.13, Etelä-Kaarela, Helsinki.

*Francujo* (25 N.F.) : Sennacieca Asocio Tutmonda, Avenue Gambetta 67, Paris 20.

*Germanujo* (22 DM) : S-ro Helmut Rössler, Klosterstr. 117 B, Edenkoben.

*daŭrigo p. 97*

# Somera Pedagogia Semajno

BOHINJ — Jugoslavio, 15.—25. de julio 1960

Sub la aŭspicio de UEA kaj la Nacia UNESKO-komisiono por Jugoslavio, Lerneja Komisiono de JEF kaj en kunlaboro kun • Jugoslavia Asocio de Pedagogoj-Esperantistoj, aranĝas ĉi jare la Duan Someran Pedagogian Semajnon. Post dujaraj spertoj en la realigado de decidoj, akceptitaj dum la Unua SPS en Kranjska Gora en la jaro 1957, montriĝis la bezono pritrakti la problemon, kiu ekestas en la lernejo, kie Esperanto estas instruata, post akiro de aktiva lingvoscio. Krom tio estos utilaj interŝanĝoj de spertoj inter diverslandaj pedagogoj pri la instruado al lernantoj de elementa lernejo.

Ĉi jara internacia lerneja kampanjo de UEA donas al tiu ĉi aranĝo ankoraŭ aldonan taskon organizan. Tiel estos pritraktataj ankaŭ la problemoj pri la rolo de esperantistaj organizaĵoj, precipe de ILEI kaj TEJO kun iliaj landaj sekcioj.

Pro la graveco kaj aktualeco de la problemoj pritraktotaj, la aranĝo havos serioze laboran karakteron, kio ne ekskludos ankaŭ distron kaj amuzon dum libera tempo. Komforta Junulara Domo, lokita en arbaro ĉe la bordo de montara lago Bohinj, ĉirkaŭita de majestaj montsuproj, brilantaj en suno, ĉe la fonto de ĉefa jugoslavia rivero Sava kaj agrabla somerrestadejo kaj ripozejo, prezentos apartan travivaĵon por la partoprenantoj.

*Kiu partoprenos?* En la unua vico la *instruistoj* kiuj instruas al la infanoj en la lernejoj (el Jugoslavio, Danlando, Finnlando, Nederlando, Francujo, Britujo, Svislando, Svedujo, Pollando, Bulgarujo kaj aliaj estos ankoraŭ invitataj). Poste la junularaj esperantistaj grupoj aŭ almenaŭ iliaj gvidantoj laborantaj en lernejoj, kiuj alportu siajn spertojn en la organiza laboro, kultura, eduka, distra kaj amuza vivo. Inter ili aparte estas invitataj la redaktoroj kaj la plej aktivaj kunlaborantoj de "Grajnoj en Vento".

Antaŭvidita kvindeko da instruistoj, kiuj en prelegoj kaj diskutoj pritraktos prezentatajn temojn, kvindeko da gejunuloj, kiuj praktike prezentos sian laboron en lernejoj per kulturaj aranĝoj, ekspozicioj, distraj, sportaj kaj aliaj ludoj, estas garantio, ke kolektiĝos interese ligita internacia kolektivo kun entuziasma agordo en amika esperantista atmosfero, kiun ni jam spertis en Frostavallen, kian spertis la partoprenintoj en Kranjska Gora kaj aliaj tiaspecaj esperantistaj aranĝoj.

*La programo konsistos el:*

*La ĉefa temo:* "La praktika apliko de Esperanto en lernejo post akirita lingvoscio", a) ĝenerala rolo de Esperanto en lernejo kaj b) resumo de problemoj ligitaj al ĝi.

— Kompletigado de instruprogramo
— Esperanta literaturo kiel kompletiga legaĵo

*Ekspozicio* de legolibroj, bildverkoj, turismaj prospektoj kaj broŝuroj, ilustritaj gazetoj kaj revuoj, komercaj prospektoj, UNESKO afiŝoj, turismaj afiŝoj, esperantaj revuoj ktp.

*Ekspozicio* de materialoj, kolektitaj el lernejoj por kompletigado de instruprogramo por unuopaj instruobjektoj.

— Kultura kaj klerigа laboro en lernejoj
— Interna vivo de lerneja grupo
— Esperantista grupo kaj aliaj junularaj organizaĵoj

*Ekspozicio* de literaturo poezia, drama, muzika, idee studa kaj organiza, lernejaj gazetoj, junularaj gazetoj esperantistaj, ("Grajnoj en Vento") kaj aliaj materialoj bezonataj en grupa laboro, kun prezento de celadoj de aliaj junularaj organizaĵoj por ni interesaj (naturamikoj, sportaj, ruĝa kruco, feriaj, laborbrigadoj kaj civila servo ktp.).

*Rim.:* Helpo en ekspozicia materialo de posedantoj kaj precipe partoprenontoj varme estas petata!

— Rolo de lernantoj, gepatroj, instruistoj, lernejaj instancoj kaj aliaj organizaĵoj en lerneja kampanjo.
— Metodikaj spertoj en Jugoslavio kaj aliaj landoj, kun raportoj kaj provlecionoj.
— Diskuto pri ILEI en lerneja kampanjo.
— Diskuto pri TEJO en lerneja kampanjo.

Konferenco de GRAJNOJ EN VENTO

— Kulturaj aranĝoj de junularo,
— Amuzoj kaj dancvesperoj,
— Prezentado de filmoj, lumbildoj kaj sonbendoj el diversaj landoj,
— Tendaraj fajroj kun babilado kaj ludoj.

Unu aŭ du tuttagaj ekskursoj al la montoj, aŭ rava ĉirkaŭaĵo, banado en la lago kun dispono de kelkaj boatoj kaj aliaj sportaj rekvizitoj, sunbanoj en picea arbaro, ĝuo de montara kvieto.

*Restadkondiĉoj:* La pliaĝuloj loĝos en la Domo, la junuloj en la tendoj kun du litoj komforte ekipitaj. Kvarfoja manĝado komuna en la Domo.

*Restadkostoj:* Kompleta prizorgo 600.— dinaroj aŭ egalvaloro. Por prelegantoj kaj aliaj aktivaj kunlaborantoj ni verŝajne sukcesos prizorgi senpagan aŭ rabatitan restadon.

La interesatoj anoncu sin al Jugoslavia Esperanto Federacio, Ljubljana, Poŝtfako 275, Jugoslavio. Detalajn informojn nur al la aliĝantoj.

## ALVOKO

*al lernejoj kie Esperanto estas instruata*

Por pruvi la valoron de Esperanto por la lernejo, jugoslaviaj instruistoj alvokas ĉiujn lernejojn, kie Esperanto estas instruata, interŝanĝi la informojn kaj materialojn pri jenaj instruobjektoj:

*Naturscienco:*

El kiaj materialoj estas konstruataj la domoj en unuopaj landoj?
Kiel en urboj?
Kiel en kamparo, arbaro, montoj, ĉemare ktp.
Kiel oni preparas la konstrumaterialon?

*Socia vivo:*

Turismaj vidindaĵoj en la lando, regiono aŭ loko?
Kion vi scias pri Jugoslavio?

*Historio:*

Revolucia tradicio kaj vekiĝo de viaj popoloj?
Kion vi lernas pri la historio de Jugoslaviaj popoloj ili faris?
Kion vi lernas pri la historio de Jugoslaviaj popoloj? (el lernolibroj)

*Lingva instruado:*

Kiaj estas viaj plej famaj poetoj kaj verkistoj? (kun ekzemploj tradukitaj en Esperanto)

*Manlaboroj:*

Kia estas la instruprogramo por manlaboroj? (sendu fotojn pri tiaspecaj ekspoziciaĵoj ĉe la jarfino, aŭ kelkajn karakterizajn objektojn faritajn de infanoj).

Pri ĉiuj supraj demandoj jugoslaviaj instruistoj preparas respondojn kaj materialojn de jugoslaviaj popoloj kaj pri kono de la landoj kiuj kunlaboras en Somera Pedagogia Semajno en Bohinj (15-25.VII.1960) sub aŭspicioj de UEA kaj Nacia UNESKO-komisiono por Jugoslavio. Adreso: **Jugoslavia Esperanto Federacio, Ljubljana, Poŝtfako 275. Jugoslavio.**

# Grava Alvoko

Certe ĉiu esperantisto konas, almenaŭ laŭ famo, la grandan mondfirmaon *PHILIPS*, kiu en siaj diverslandaj fabrikoj (184,000 laboristoj kaj oficistoj !) produktas elektrajn lampojn, radio- kaj televido-aparatojn kaj centojn da aliaj aparatoj elektraj.

Ĉe la centro de la firmao en la nederlanda urbo *Eindhoven* la direkcio de la *Sekcio por Medicinaj Aparatoj* intencas presigi informajn presaĵojn en Esperanto por dissendo al esperantistaj medicinistoj en la tuta mondo. Por tiu celo *ĝi deziras ricevi kiel eble plej multajn adresojn de esperantistaj medicinistoj* de ĉiuj fakoj (profesoroj, kuracistoj, studentoj, flegistoj, farmaciistoj, vendistoj de medicinaj aparatoj k.t.p., de ambaŭ seksoj).

Ĉiuj esperantistoj en la tuta mondo estas petataj kunhelpi por ĉi tiu grava praktika apliko de Esperanto, sendante taŭgajn adresojn al : *INTERNACIA ESPERANTO-INSTITUTO, Riouwstraat 172, DEN HAAG, Nederlando,* kiu kompilos la adresaron kaj helpos ĉe la dissendo de la presaĵoj.

## REZOLUCIO

La 24-an de marto 1960 la Peel County Branch de la United Nations Association in Canada (la Peel-distrikta branĉo de la Asocio por Unuiĝintaj Nacioj) akceptis jenan rezolucion :

”Konsiderante, ke la Generala Konferenco de UNESKO rekonis la rezultojn atingitajn per la Internacia Lingvo Esperanto sur la kampo de internaciaj rilatoj kaj por la proksimigo de la popoloj de la mondo;

Konsiderante ke la Plenuma Komitato de UNESKO decidis inviti la membroregistarojn partopreni dum 1960 en la memorigo de la centjara datreveno de la naskiĝo de d-ro L. L. Zamenhof, iniciatoro de la Internacia Lingvo, kaj

Konsiderante, ke la Peel-distrikta branĉo de la Asocio por Unuiĝintaj Nacioj konsciiĝas pri la neefikeco, granda malŝparo de tempo kaj monrimedoj, kaj pri manko de personaj kontaktoj ĉe internaciaj kunvenoj,

Decidas, ke la Peel-distrikta branĉo petu la Asocion por Unuiĝintaj Nacioj en Kanado

(1) memorigi la supre menciitan centjaran datrevenon de d-ro Zamenhof,

(2) rekomendi al siaj membroj la studon de la problemo de komunikado inter la popoloj de la mondo kaj speciale la solvon prezentitan de Esperanto, kaj

(3) kuraĝigi niajn edukajn aŭtoritatojn studi la eblecojn por enkonduki Esperanton en la lernejan planon.

La rezolucio estis prezentita de s-ino Vilma Eichholz, vicprezidantino de Kanada Esperanto Asocio, kaj akceptita per granda plimulto post mallonga diskutado. Antaŭ la voĉdono oni sugestis forstreki la alineon sub (3) el la rezolucio, sed s-ino V. Eichholz klarigis, ke la rezolucio ne postulas la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, sed nur la studon de la eblecoj por fari tion. S-ro Rick Hart. konata komentariisto de la kanada televida programo ”Background” (fono) rimarkis pri tiu punkto dum la diskutado :

”Pro tio ke ni estas asocio por Unuiĝintaj Nacioj ni ne povas fari ion ajn alian, ol subteni tiun rezolucion”.

*Vilma Eichholz*

# Je la ”Glacia Maro”

*Mi staras ĉe la norda maro*
*en la komenco de la jaro,*
*aŭskultas al la tondra muĝo :*
*jen tago kvazaŭ tag' de juĝo*
*al tiu pekoplena mondo.*
*Sin ĵetas ondo, ondo, ondo*
*kaj frakasiĝas sur la bordo*
*de tiu maro en la nordo.*
*La kajo vibras en haveno,*
*la ŝipo ŝiras en la ĉeno,*
*minacas jam la neniigo.*
*Ŝtonegon el havena digo*
*forprenas nun la uragano —*
*ĝin ĵetas ties forta mano.*
*La mevoj krias, vee, vee,*
*mi aŭdas tiun krion ree —*
*sed jen subite ĝi silentas*
*kaj la silenton ĉiu sentas*
*malbona kaj eĉ tre dolora*
*dum li staradas senlabora.*
*En tiu horo ni rigardas*
*— dum la okul' kaj koro ardas —*
*la grandajn fortojn, kaj komprenas*
*ke el ĉielo tio venas :*
*Ke fingrosignas Dio, kiu kreas,*
*kaj la naturo tuj obeas.*

Hans Amund Rosbach

## LA INTERNACIAJ KONKURSOJ 1960

Stato je la 31-a de marto

Konkurso I

| | Lando | Kvoto | Poentoj | % |
|---|---|---|---|---|
| 1. | Japanujo | 2470 | 2770 | 112.15 |
| 2. | Belgujo | 1985 | 1866 | 94.01 |
| 3. | Britujo | 6565 | 5872 | 89.44 |
| 4. | Nederlando | 5093 | 4500 | 88.36 |
| 5. | Svislando | 2075 | 1730 | 83.37 |
| 6. | Finnlando | 2515 | 2050 | 81.51 |
| 7. | Francujo | 7111 | 5632 | 79.20 |
| 8. | Svedujo | 6605 | 5040 | 76.31 |
| 9. | Usono | 3430 | 2520 | 73.47 |
| 10. | Hispanujo | 2837 | 1960 | 69.09 |
| 11. | Germanujo | 7450 | 4740 | 63.62 |
| 12. | Danlando | 2921 | 1780 | 60.94 |
| 13. | Norvegujo | 2035 | 1220 | 59.95 |
| 14. | Italujo | 4469 | 2415 | 55.16 |
| 15. | Jugoslavio | 7155 | 2890 | 40.39 |
| 16. | Brazilo | 8260 | 1681 | 20.35 |

Konkurso II

| | Lando | Kvoto | Poentoj | % |
|---|---|---|---|---|
| 1. | Aŭstralio | 1076 | 966 | 89.78 |
| 2. | Israelo | 250 | 220 | 88.— |
| 3. | Kanado | 615 | 530 | 86.18 |
| 4. | Sudafriko | 250 | 205 | 82.— |
| 5. | Aŭstrujo | 1425 | 940 | 65.96 |
| 6. | Maroko | 256 | 150 | 58.59 |
| 7. | Madagaskaro | 250 | 137 | 54.80 |
| 8. | Urugvajo | 255 | 130 | 50.98 |
| 9. | Portugalujo | 575 | 290 | 50.43 |
| 10. | Islando | 270 | 90 | 33.33 |
| 11. | Novzelando | 989 | 280 | 28.31 |
| 12. | Argentino | 815 | 229 | 28.10 |




# LA JUNA VIVO

Ĉion por la redakcio de "L. J. V." sendu al :
Ivo Osibov
Tuŝkanova 21/III, Zagreb, Jugoslavio

## LA JUNULARO EN BULGARUJO ANTAŬEN MARŜAS

Dum la pasinta 1959-a jaro la bulgara esperantista junularo atingis grandajn kaj gravajn sukcesojn en la organizado de junaj esperantistoj kaj en la disvastigo de Esperanto inter la bulgara junularo.

Dum en 1958 en Bulgara Esperantista Asocio estis unuigitaj malpli ol 600 gejunuloj kaj estis fonditaj nur 5-6 junularaj Esperanto-grupoj ĉe la societoj en la lando, en la fino de 1959 la nombro de la gejunuloj-regulaj membroj de BEA estas pli ol 1000, kaj estas fonditaj pli ol 20 junularaj grupoj. Ilia nombro konstante kreskas.

La junularan E-movadon en Bulgarujo gvidas kaj direktas la Junulara Fako de BEA kun 5-membra estraro. La Estraro de la Junulara Fako estas en konstanta kontakto kun la junularaj grupoj, sendante al ili instrukciojn pri iliaj taskoj kaj materialojn necesajn por ilia agado. Membroj de la Estraro de JF laŭokaze vizitas la junularajn grupojn kaj starigas antaŭ ili diversajn taskojn.

La grupoj, sendepende de sia partopreno en la kunveno de la lokaj societoj, organizas regulajn pure junularajn kunvenojn, dum kiuj prelegas kaj parolas nur gejunuloj-membroj de la grupo. Tio unuflanke organizas la gejunulojn kaj aliflanke plialtigas iliajn parolnivelon kaj aktivecon. En tiuj kunvenoj post la prelegoj kaj diskutoj sekvas : parolata ĵurnalo, lingvaj demandoj, legado de interesaj leteroj, pristudo de kantoj, deklamaĵoj, novaĵoj el la tuta mondo kaj dancoj kun interparolo en Esperanto. Imitindan ekzemplon tiurilate elmontras la junularaj grupoj en la urboj Sofia, Plovdiv, Ruse, Burgas, Varna k.a.

La organizado de kursoj por gejunuloj en superaj kaj mezaj lernejoj, en fabrikoj, en entreprenoj, ĉie kie lernas kaj laboras multe da gejunuloj, estas konstanta tasko de la loka junulara grupo. Imitinda estas la ekzemplo de la grupo en Ruse, kiu dum la jaro 1959 organizis kursojn en preskaŭ ĉiu mezlernejo en la urbo, kaj krome la kursojn gvidas gejunuloj-membroj de la grupo. Ses membroj de la grupo en Pazarĝik nun gvidas junularajn kursojn.

La organizado de ekskursoj kaj kolektiva vizito de kinejoj, teatroj k.a. entuziasmigas la gejunulojn kaj altiras al la junularaj grupoj novajn membrojn. Tiun iniciaton la junularaj grupoj bone uzas por variigi la kolektivan vivon kaj por pliigi la grupan membraron.

La junularaj grupoj estas en konstanta kontakto kun la lokaj amasaj organizaĵoj kaj pli speciale kun la societoj de la Junulara Asocio (Komsomolo), laŭplane aranĝas entreprenojn kun ili, ekz. komunajn kunvenojn kaj kunsidojn, amuzvesperojn, organizas kursojn k.t.p. Nome dank' al tiuj bonaj ligoj kun Komsomolo la grupo en Ruse sukcesis organizi tiom multajn E-kursojn en la mezlernejoj. La grupo en Pazarĝik kun la helpo de Komsomolo organizis dum somero 1959 gelernantan brigadon, kiu laboris je riparo de la gimnazio. La ekonomia efekto de la laboro de la brigado estas ĉirkaŭ 32.000 levoj.

Ĉiujare en la manifestacioj okaze de la tutpopolaj festoj la 9-an de septembro kaj la 1-an de majo la grupoj partoprenas per apartaj kolonoj esperantistaj. Vestinte sin per kostumoj de diversaj nacioj kaj portante portretojn, sloganojn kaj aliajn Esperanto-propagandilojn la junaj geesperantistoj elmontras sin antaŭ la neesperantista publiko, propagandante tiamaniere Esperanton kaj altirante al si novajn adeptojn.

La eldonado de murgazetoj, foto-kaj letertabuloj, la aranĝado de ekspozicietoj kaj montrokestoj tre efikas ne nur al la junaj geesperantistoj, sed ankaŭ al la neesperantista junularo. Se tiuj propagandiloj estas bone preparataj kaj aranĝataj, ili altiras la atenton de la neesperantistoj, donas al ili informojn pri Esperanto, interesigas ilin. Post nelonge multaj el la vidintoj de la propagandiloj demandas pri malfermotaj kursoj.

Rilate tiujn kaj multajn aliajn taskojn la junularaj grupoj en Bulgarujo batalas konstante por ankoraŭ pli granda disvastigo kaj popularigo de Esperanto inter la bulgara junularo. Ili scias ke "la estonteco de la Esperanto-movado apartenas al la junularo". Pri tio ĉiu grupo, ĉiu aparta juna esperantisto batalas konstante kaj obstine por altirado de la junularo en la bulgaran E-movadon.

*D. Dobrev*
*prezidanto de la JF de BEA*

---

## ANTAŬEN

La plialtiĝo de la membraro dum la pasinta jaro je 5408 anoj efektivigas la deziron de ĉiuj montrante samtempe, ke nia tutmonda movado venkas iom post iom la barojn, kiujn kelkaj skeptikuloj juĝis nevenkeblaj.

Kompreneble ĉiam ekzistis skeptikuloj kaj ankoraŭ aperas ili kiam iu samideano intencas organizi novan sekcion. Malgraŭ tio la kreado de TEJO-sekcioj progresas tra la tuta mondo atingante bonan rikolton; preskaŭ 15 landoj kreis ilin. Bedaŭrinde multaj landoj ankoraŭ ne aliĝis al TEJO; pro tio nia unua tasko estos organizi ĉe ili favoran movadon por la starigado de junularaj sekcioj.

Ĉi-jare la Guatemala gejunularo organizis sian propran sekcion ĉe la Guatemala Esperantista Asocio. Tiu ĉi decido multe kuraĝigas la gejunulojn kiuj celas la kreadon de siaj grupoj.

Dum la pasinta jaro fondiĝis TEJO-sekcioj en Anglujo kaj Hispanujo. La sukceso de ĉi-lasta estis grava kaj plena. Sekve mi klarigos la detalojn pri la Hispana Esperanto-Junulara Sekcio : ekde 1959 HEJS oficialiĝis atingante nun pli ol 100 membrojn. Ĝi ankaŭ eldonas ĉiumonatan propran bultenon. Spite al pesimistoj novaj 76 anoj aliĝis al la Hispana Federacio; 50 el ili estas gejunuloj. Plie la hispana movado atingis la unuan lokon en la Internacia Konkurso de UEA en la jaro 1959, kio prezentas veran sukceson.

Kio okazis en Hispanujo montras klare kaj simple ke la organizado de TEJO-sekcioj helpas nian tutmondan kaj landan organizaĵojn.

*S. Aragay*

## SKIFERIO KAJ SKIKONKURSO DE TEJO

Laŭ programo la skiferio de TEJO okazis en la bela, neĝabunda skivilaĝo Filzmoos en Aŭstrujo. Alvenis geamikoj el ses Eŭropaj landoj : Italujo, Aŭstrujo, Germanujo, Anglujo, Belgujo kaj Francujo. La esperantistoj jam estas konataj gastoj en la vilaĝeto, ĉar je neniu alia tempo oni aŭdas kaj vidas samtempe eksterlandanojn el tiom da landoj. Malgraŭ la fakto, ke la veterdio ne estis tre afabla — pro lavangdanĝero ni ne faris grandan ekskurson — ni tamen havis treege belan, gajan kaj neforgeseblan tempon. Dum senlaculoj pistis la senhalte falantan neĝon per plej diligenta skiado, aliaj sidis ĉe la varma forno por skribi salutkartojn aŭ pridiskuti gravajn problemojn, kaj ree aliaj promenadis tra kampoj kaj arbaroj por trovi la plej belajn motivojn por fotado. La vesperoj ree estis dediĉitaj plene al distro per dancado, kantado kaj ludado, dum la malfrua posttagmezo kelkfoje estis uzita por okazigo de Esperanto-kursoj en du grupoj por komencantoj kaj progresintoj. La lingvaj preskaŭ-perfektuloj intertempe okupiĝis per diskuto pri kelkaj temoj kiuj estis destinitaj por la pro diversaj malfacilaĵoj ne okazinta "Vintra Universitato".

*Heinrich Reiter*

# Tra la Mondo

### Brazilo

La poŝtmarko, kiun laŭ peto de Brazila Esperanto-Ligo eldonis Departemento de Poŝtoj kaj Telegrafoj memore al la centjara datreveno de D-ro Zamenhof ekaperis en la tuta lando la 10-an de Marto 1960. La poŝtmarko prezentas portreton de la aŭtoro de Esperanto. Ĝia koloro estas verda kaj ĝia valoro estas CrS 6-50.

### Bulgarujo

Gelernantoj el Mezteknika lernejo pri Fajna Mekaniko kaj Optiko, vigle laboras kaj deziras kontakti samspecajn lernantojn en aliaj landoj por eventuale fondi iaspecan rondon, kiel "Grajnoj en Vento". Adreso: Lerneja Esperanto Grupo, str. Kiril i Metodi 148, Sofio 3, Bulgarujo.

### Francujo

En "Revue Bryologique et Lichénologique" (1959, 28, p. 396-397), la plej grava revuo dediĉita al la studo de la muskoj kaj likenoj, aperis resumo en Esperanto de tre interesa artikolo pri la likenoj de Alpoj (aŭtoroj: s-roj Clauzade kaj Rondo, Universitato de Marseille). La direktorino, S-ino Allorge estas dankenda, ĉar je la unua fojo, elstara botanika revuo franca akceptis la Internacian lingvon.

### Germanujo

En la historia urbo Aachen, la oficiala trafikoficejo eldonis belan faldfolion ankaŭ Esperantlingve. Ĝi estas havebla ĉe: Kur- und Werbeamt der Stadt Aachen, Aachen, Ursulinerstr. Germanujo.

### Hispanujo

La 6-an de februaro la Zaragoza-Ateneo organizis Esperantan festoparoladon. D-ro Sancho-Izquierdo prelegis pri "Pollando" (1859 - Bjalistok - Zamenhof - Esperanto - 1959 - 44-a U.K. de Esp. en Varsovio). La tre interesa prelego vere plaĉis al la aŭdintoj kiuj plenigis la grandan salonon kaj tio promesas progreson de la Esperanto-movado en tiu urbo, kie D-ro Sancho-Izquierdo ebligis la oficialan instruadon de Esperanto en Altlernejo por Sociaj Diplomatoj.

### Israelo

En la urbo Kefar-Saba, Israelo, okazas la unua Esp-kurso organizita fare de Loka Konsilantaro, kiu mem kovras ĉiujn elspezojn, ligitajn kun



presigo de afiŝoj k.t.p. La kurso estas gvidata de S-ro Jeraĥmiel Giladi, (Delegito de U.E.A.) La bildo prezentas la gekursanojn, kaj la tria, sidante de dekstre, prezentas la gvidanton de la kurso.

### Italujo

La Urba Biblioteko de Bologna fondis apartan Esperanto-fakon, kiu ampleksas plurajn centojn da volumoj en la Internacia Lingvo. La fako estas subvenciata de la Ministerio por Publika Instruado per 300 mil liroj.

### Jugoslavio

La 2-a Geografia Semajno de la Internacia Geografa Asocio, okazos de la 8-a ĝis la 18-a de aŭgusto 1960. Informoj ĉe: F-ino Maria Mirković, Investiciona banka, Rijeka, Jugoslavio.

☆

La 160-paĝa "Knjiga Radosti" (La libro de la ĝojo), la kroata porinfana krestomatio de la eldonejo "Mladost", dediĉas la ĉefan artikolon de sia 26-a volumo al D-ro L. L. Zamenhof, iniciatinto de la Internacia Lingvo. La kvarpaĝa artikolo aperis okaze de la centjara datreveno de la aŭtoro de Esperanto.

### Kanado

La dua kongreso de K.E.A. (Kanada Esperanto-Asocio), okazos en Oakville, de la 1-a ĝis la 3-a de julio 1960. Informoj haveblaj ĉe: S-ro R. Eichholz, Oakville, Ontario, Kanado.

### Pakistano

Dank'al la fakto ke fervora sveda esperantisto profesie estis sendita al Pakistano, nun la movado ekĝermas ankaŭ en tiu vasta lando. En la nuna momento 8 pakistanaj studentoj lernas Esperanton kaj jam atingis la stadion de unua korespondado. Ili esperas je



ligoj kun la tuta mondo. La gratulinda kursgvidanto, kiun montras la foto kun liaj studentoj, volonte atendas korespondaĵojn je la adreso: S-ro Einar Agholm, Swedish Pakistani Institute of Technology, Box 186 G.P.O. Karachi, West Pakistan.

### Polujo

La 17-an de februaro okazis en Varsovio Ĝenerala Kunveno de la Varsovia Filio de Pola Esperanta Asocio. Dum la kunveno la ĉeestanta esperantistaro esprimis koran dankon al la ĝisnuna estaro por la plenumitaj laboroj rilate al la 44-a U.K. Dank'al ĝusta financa politiko, (oni tion ŝuldas al mag. A. Glybowski) la estraro fermis la agadperiodon kun la profito de 16 miloj da Zlotoj. La nomoj de la oferemaj estraranoj estas: Z. Czuba, prezidanto, *A. Sikorska, M. Madurowicz, mag. A. Glybowski,* kasisto *A. Pettyn, M. Sulimierska,* R. Kempinski kaj M. Pawlowska.

En la sama kunveno oni elektis novan estraron, kiun eniris: la kursive presitaj personoj estis reelektitaj kaj la novaj estis: J. Frankowski, E. Sidorowicz, kaj P. Rowinski.

### Zanzibaro

Usona pastro (protestanta), S-ro Robert Sparks, deĵorante dum unu jaro en Zanzibaro, inter la gestudentoj, (hindaj, arabaj, afrikaj), ĉe "King Georg 6 School", starigis Esp-kurson.



La klubo fondiĝis kaj la foto prezentas la ge-klubanojn. S-ro Sparks esperas, ke la klubo ankaŭ post lia foriro de Zanzibaro daŭre funkciu.

---

## Ĝustigo

En la Januara numero de ESPERANTO aperis la informo, ke la libro de Edmond Privat "Vivo de Zamenhof" estas eldonita en norvega lingvo, kaj la red. aldonis jenan "klarigon": "en Riksmål (t.e. korekta ŝtata lingvo)". Anstataŭ plenumi nian peton pri publikigo de ĝustigo en la Marta numero, la red. en la Aprila numero reaperigis la unuan informon kun la aldono.

Ni devas substreki ke tiu "klarigo" estas erariga; sed ne havas sencon provi klarigi ĉi tie la unikan lingvan situacion en Norvegujo, ĉar ne estas dezirinde entiri la norvegan lingvobatalon inter la esperantistojn. La neŭtraleco de la Esperanto-movado devas en nia lando ampleksi ankaŭ la lingvajn partiojn.

*Norvega Esperantista Ligo*

**Aldono:** la ĝustigo estis sendita al la presejo por la aprila n-ro, sed ne estis en la presprovaĵo. Tial mi faris lokon por ĝi kaj informis, ke la korekto aperu tie. Erare aperis anstataŭe la sama informo kiel en la januara numero.

*La Redaktorino*

# Carlo Goldoni

**(el la "Historio de la itala literaturo" de F. De Sanctis)**

**Dum la Universala Kongreso en Bruselo la Internacia Arta Teatro ludos la komedion de Goldoni "Kurioza Okazaĵo". Por prezenti al la esperantista publiko bildon pri la konata reformanto de la itala teatro, ni elektis kelkajn paĝojn de la itala literatura kritikisto F. De Sanctis. Fondinto de la skolo de estetika kritiko, De Sanctis (1817-1883) instruis italan literaturon en Zurigo kaj, ek de 1871, estis deputito kaj Ministro por Publika Instruado en la registaro de Cavour.**

Goldoni konis tre malmulte Plaŭto kaj Terenzio; omaĝis al Oracio kaj al Aristotelo; pro tradicio respektis la regulojn, sed diris : "Mi neniam oferis komedion, kiu povis esti bona pro antaŭjuĝo, kiu povis ĝin igi malbona". Tio, kion li nomas *antaŭjuĝo* estas la unueco de loko. Lia malabunda klasika kulturo havis tiun avantaĝon, ke ĝi lasis lian spiriton libera je ĉiu elemento, kiu ne estis moderna aŭ samtempa. Tio, pri kio li revas, ne estas la klera komedio, reguligita, literatura, laŭ latina aŭ toskana maniero, kies lastan ekzemplon donis Fagiulo; sed, la bona komedio, kiel li ĝin konceptis : *ĉar la komedio estas mia inklino, la bona komedio devas esti mia celo.* Lia koncepto pri bona komedio estas la jena : *la tuta priatento, kiun mi aplikis en la konstruado de miaj komedioj estis ne fuŝi la naturon.* Idilia karaktero, supera al la provincaj klaĉadoj kaj envietoj de itala literaturisto, akceptante la bonan kaj malbonan sortojn kun egala animo, tiu ĉi viro, kiu vivis siajn plenajn okdekses jarojn kaj mortis en Parizo kelkajn jarojn post Metastasio, kiu mortis en Vieno, diras pri si mem : "Mia moralo estas analoga al la fiziko; mi timas nek froston nek varmon kaj ne lasas min enflamigi de la kolero nek ebriigi de la ĝojo".

Kun tiu temperamento pli kiel spektanto ol kiel aktoro, Goldoni observadis la aliajn kiam ili agis kaj rimarkadis ilin dum faro. La bone observita naturo ŝajnis al li pli riĉa ol ĉiuj kombinoj de la fantazio. Por li la arto estis naturo, repentri el la vero. Kaj li sukcesis Galileo de la nova literaturo. Lia teleskopo estis la neta kaj tuja intuicio de la realeco, gvidata de bona komuna senso. Same kiel Galileo eligis el la scienco la okultaĵojn, la hipotezaĵojn, la supozaĵojn kaj la supernaturon, tiel li volis eligi el la arto la fantaziaĵojn, gigantaĵojn, la deklamaĵojn kaj la retorikaĵojn. Tion, kion Molière faris en Francujo, li volis provi en Italujo, klasika lando de akademio kaj retoriko. La reformo estis pli grava ol ĝi ŝajnis, ĉar — ĉefe rigardante la komedion — ĝi havis ĉe la bazo universalan artan principon, nome la naturon en la arto opozicie al la afektado kaj al la konvencia stilo. Goldoni havis nature ĉiujn kvalitojn postulatajn por la malfacila tasko : akutecon de observado kaj inventeman spiriton, mezuron kaj ĝustecon de konceptado, varmon kaj ŝaŭmon en la plenumo. La *Mandragola,* kiun li konis kiel junulo, tre impresis lin. La *Mizantropo,* la *Avarulo,* la *Tarturo,* la *Preciozulinoj,* kaj similaj komedioj de Molière finis lian edukon. La fundamento de la itala komedio estis la ennodita aventuro; la bona komedio, kiel li ĝin konceptis, devis havi kiel fundamenton la karakteron. Vi havas la komedion aventuran; mi volas doni al vi la komedion karakteran — diris Goldoni. Komedio de karaktero estis atingi la efikon ne el la multeco de eksterordinaraj eventoj, sed el la malvolvo de karaktero eĉ el la plej ordinaraj situacioj de la vivo. Temis pri tute alia sistemo, ne nur en la komedio, sed ankaŭ en la celo kaj rimedoj de la arto. La ĉefrolanto en la unua sistemo estas la kazo aŭ la akcidento, kies strangaj kunmetiĝoj originas la mirindecon. La homoj aperas kiel bildoj aŭ kiel subroluloj, apenaŭ skizitaj, envolvitaj en la ventego de la eventoj. La vivo troviĝas en la surfaco : la interno estas kaŝita. En tiu obtuza malprofundeco konsumiĝis la malnova literaturo kaj, elĉerpitaj ĉiuj formoj de la surprizigo, ĝi ne plu sufiĉis por atingi la efikon per propraj rimedoj, sen helpo de la kanto, de la muziko, de la danco, de la mimiko, de la deklamado. La parolo ne plu estis la ĉefa afero : ĝi fariĝis la akcesoraĵo, la simpla temo, la preteksto. Ankaŭ la komedio kredis sin nekapabla por atingi sian rezulton sen la helpo de la maskoj, sen tiu improvizado de burleskaĵoj de Arlekenoj, de Trufaldinoj, de Brigeloj kaj de Pantalonoj (1). Nu, la fiksa ideo de Goldoni estis, ke la komedio povis per si mem interesigi la publikon kaj ke por tio ĝi ne bezonis la spektaklon, la gigantecon, la mirindecon kun aŭ sen masko. Lia reformo estis fundamente la reinstaliĝo de la parolo, la relokigo de la

(1) Tipaj karakterizaj maskoj de la itala teatro.

literaturo al ĝia loko kaj graveco, la nova literaturo. Kaj li klare vidis, ke por reinstali la parolon bezonis ne nur prilabori la vorton, sed ĝian enhavon, refari la organon aŭ internan mondon de la esprimado. Tion li vidis en la komedio kaj li celis instali en ĝi ne la formalajn kaj meĥanikajn elementojn, sed la internan organismon sur la bazo de jena koncepto : la vivo ne estas ludo de hazardo aŭ de okulta povo, sed ĝi estas tia kian ni faras ĝin, verko de nia menso kaj de nia volo. Koncepto de Machiavelli, el kiu eliris la *Mandragola.* Pro tio, la ĉefrolulo estas la homo, kun siaj virtoj kaj malfortoj, kiu kreas kaj reguligas la eventojn aŭ cedas antaŭ ili. Mankas al Goldoni ne la klareco, sed la aŭdaco de la reformo, ĉar li estis ofte devigita al koncesioj kaj mezaj vojoj por kontentigi la publikon, la trupon kaj la kontraŭulojn. Kaj, laŭ sia karaktero, li venkis pli per la pacienco kaj lerteco ol per firma decidemo. El tiuj koncesioj oni trovas postsignojn en liaj plej bonaj komedioj, kie li ne rifuzas vulgarajn kaj malelegantajn rimedojn por atingi la aplaŭdojn de la aŭdantaro. Ĉio, kio en li restas, estas tiu interna mondo de la komedio, prenita el la vero kaj perfekte elvolvita en la situacioj kaj en la dialogo.

La centro de lia komika mondo estas la karaktero.

Kaj tiu ĉi ne estas de li konceptita kiel aglomeracio de abstraktaj kvalitoj, sed estas prenita el la reala vivo, kun ĉiuj flankaĵoj. Bazo estas la venecia societo en sia mezeco, pli proksima al la popolo ol al la superaj klasoj : tio donas pli da elementoj al la komikeco pro tiuj subitaj sinturnoj, needukitaj, maldisciplinitaj, karakterizaj de la popola klaso, al kiu multe similis la venecia burĝaro, kiu ankoraŭ ne atingis tiun rafinecon kaj delikatecon de formoj, kiuj estas kiel la aero de la civilizo. La karakteroj, kiel la klaĉulo, la mensogulo, la avarulo, la flatanto, la servanta kavaliro, envolvitaj en tiu ĉi atmosfero aperas pli vivantaj, kolorplenaj, originalaj, novaj : atingas la formon de sia ekzistado. Ekzistas en ilia kunpastado miksaĵo de maldelikateco kaj de improvizacio : ĝuste tie estas la fonto de la komikeco. Falante en naturojn de viroj ne disciplinitajn de la edukado, la karakteroj elaperas en subita maniero, kaj sen bremsoj aŭ sindeteno aŭ priatento, en sia tuta praa forto kaj produktas per sia tuja maldelikateco la plej sinceran bonhumoron, kiel la *Bonkora Severulo* (Burbero Benefico). Ĉar temas ne pri konceptoj subjektivaj kaj abstraktaj, sed studitaj el la vero kaj prenitaj el la movo de la vivo, la komikeco ne malvolviĝas pere de motoj, pripensadoj kaj priskriboj — tio kio estas nomata ĝuste *spirito* kaj apartenas al pli kulturita kaj rafinita societo — sed elrompas el la senpera viveco de la situacioj kaj de la kontrastoj. Goldoni estas feliĉega trovi tiajn situaciojn, en kiuj la karaktero povas elmontri ĉiujn siajn fortojn. La situacio estas ĉefe unika, simpla, tre natura, sobre variigita, reliefigita per kelkaj kontrastoj, malofte komplika aŭ envolvita, laŭgrada kun krescendo de dramaj movoj, kaj rapide gvidas vin al la fino meze de plej forta sinamuzo. Sekvas la supereco de la dialogo, kiu estas parolata ago, malofte interrompita aŭ malrapidigita per troa uzo de rezonadoj kaj motoj. La situacio estas neniam forgesita : nek flankeniroj nek devojiĝoj, raraj intermiksaĵoj aŭ epizodoj, neniu parto tro dorlotita aŭ valorigita; pro tio la intereso iras al la tuto kaj malofte elstaras rolulo, sceno, eldiro. Ĉio estas solide kunligita kun ĉio : la situacio estas la karaktero mem en pozicio, en siaj determinaj elementoj : la agado estas la situacio mem en ĝia plenumo; la dialogo estas la agado mem en ĝiaj movoj. Tiu ĉi poezia mondo havas la malvirtojn de siaj kvalitoj : en sia maldelikateco ĝi estas supraĵa kaj en sia natureco ĝi estas vulgara. En tiu rekta kaj rapida kurado, la poeto ne meditas, ne koncentriĝas, ne profundiĝas; li staras tute ekstere, ĝoja kaj senpensa, indiferenta al ĝia enhavo, kaj estas okupita ĝin ŝarĝi preskaŭ kiel por sia amuzo kaj kun la plej naiva ŝajno, sen ombro de malico kaj atakemo : el tio devenas la formo de lia komikeco, kiu malofte atingas la ironion. Mankas al li tiu dia melankolio, kiu estas la idealeco de la komika poeto kaj kiu gardas lin super lia mondo, kvazaŭ kiel sia kreitaĵo, kiun ĝi karesas per la rigardo kaj ne lasas antaŭ ol doni al ĝi lastan findetalon.

La nova literaturo aperas en la komedio de Goldoni, anoncas sin kiel reinstaligo de la vero kaj de la natureco en la arto. Se la malnova literaturo serĉadis siajn rezultojn kiel eble plej multe malproksimiĝante el la realeco kaj postkurante la eksterordinarecon aŭ la mirindecon en la enhavo kaj en la formo, la nova serĉas en la realeco sian bazon kaj studas el la vero la naturon kaj la homon. La maniero, la konvencio, la retoriko, la arkadio, la mitologia meĥanikismo, la klasika meĥanikismo, la imitado, la rememorigo, la citado, ĉio kio konsistigis la literaturan formon, estas forigita de tiu ĉi poezia mondo, kies centro estas la homo, studata kiel psikologia fenomeno, malgrandigita al siaj naturaj proporcioj kaj enigita kun ĉiuj kvalitoj en la realan vivon. Estas vere, ke la vivo estas apenaŭ karesita kaj ke ĝiaj profundoj restas kaŝitaj. Sed la vojo estis tiu kaj en la komenco de la vojo vi trovas Goldoni.

(el la itala tradukis : G.C.F.)

---

**DISTRITA PROFESORO !**

La prez. de la Esperanto-Klubo en Torino telefonis al la prez. de UEA dirante : "Mi antaŭĝojas vin vidi en la klubo hodiaŭ vespere".

"Sed mi fakte ne intencas veni", estis la respondo.

"Kial ?"

"Ĉar la temo ŝajne ne estas interesa", respondis la prez. de UEA.

"Povas esti, sed vi ja estas la prelegonto".

---

# Impresoj el Ŝanghajo

Per ŝipo mi havis la okazon viziti Ŝanghajon. Jam nur la nomo elvokas ĉe preskaŭ ĉiuj homoj scivolon. Mi estis en Ŝanghajo dum 1 semajno. Ĉar estas al ni eŭropanoj, post paskontrolo, permesite libere iri tra la tuta urbo sen iu gvidanto (almenaŭ ĝis noktomezo), vi povos kompreni ke miaj spertoj estas tiel abundaj, ke mi povus plenigi tutan eldonon de "Esperanto" pri ĝi. Tial mi volas inviti vin, sekvi min nur dum aŭtobusekskurso, kiun ĉiuj anoj de nia ŝipo faris laŭ invito de la estro de la marista hejmo en Ŝanghajo. Ni forveturu :

Jam ni rimarkas, ke preskaŭ ĉiuj homoj, ĉu laboristoj ĉu mastroj, ĉu viroj ĉu virinoj, estas vestitaj en bluaj laboristaj pantalono kaj jaketo. Montriĝis, ke oni ricevas rabatbiletojn por tiaj vestoj, dum aliaj ordinaraj vestoj kvankam ja abunde akireblaj, estas preskaŭ nepageble karaj. Sekve oni aĉetas la malkaran uniforman unuecvestaĵon, kiu ja estas tre senfantazia, sed tamen sufiĉe forta kaj varma. Ankaŭ tre rimarkinde estas, ke oni preskaŭ nenie vidas luksajn aŭtomobilojn. Tra la stratoj veturas nur ŝarĝaŭtoj kaj aŭtobusoj (grandparte de usona origino) : kaj nur ĉe kelkaj ŝtataj konstruaĵoj staras luksaŭtoj parkumitaj. Intertempe la aŭtobuso jam traveturis la urbocentron kaj atingas la pli eksterajn kvartalojn. Tie ni preterpasas altan turon sur kies pinto troviĝas kelkaj disaj brakoj kvazaŭ ĉe granda argano. Laŭ mia demando pri tiu stranga turo la gvidanto en la aŭtobuso klarigas, ke tio estas falŝirmturo por ekde 12-jaraj infanoj. Kun falŝirmiloj tiuj infanoj sin faligas ekzerce de tiuj altaj brakoj sur la turpinto.

Ni nun trapasas kampon, plenplenan de malnovaj domaĉoj kaj tiam subite eniras straton kun vere modernaj domoj. Oni forte laboras por forigi la domaĉojn kaj anstataŭi ilin per modernaj domoj. Je mia peto ĉu eblas viziti konstruatan domon, la gvidanto iom miskomprenas min kaj eniras prilogâtan domon. La domo de ni vizitata estas unu el la multaj de la kazerna tipo; el okcidentula vidpunkto ankoraŭ sufiĉe primitiva, tamen, konsiderante la al ni malsimilan vivmanieron de la ĉinoj kaj vidinte la domaĉojn en la tuja proksimeco, sendube granda paŝo antaŭen por la popolo. La domo havas 3 etaĝojn. La familioj de 1 tia domo (povas nombri 20) havas unu komunan enirejon. Cementaj ŝtuparoj ligas la etaĝojn. Sur ĉiu etaĝo loĝas 4 aŭ 5 familioj. Ili havas ĉiuj propran loĝĉambron (grandaj eble 2) de 4 × 5 m. La kuirejo estas komuna por ĉiuj familioj de unu etaĝo (vidu desegnon). La domo estas provizita je fluanta akvo, gaso kaj elektro, sed kamenoj ne estas troveblaj; la ŝtato trovas la klimaton sufiĉe milda (dum nia vizito + 5⁰ C.). Radio ne estas en la domo, sed la loĝantoj mem povas aĉeti iun, se ili volas.

La edzinoj estas hejme kaj tre kore ili invitas nin en siajn hejmĉambrojn por trinki tason da ĉina teo. Ili ĉiuj aspektas sanaj kaj kontentaj, kaj ili okulride rigardas nin kiam ni sidas intime ĉirkaŭ la tablo kaj trinkas nian teon. La virinoj sincere ĝojas, povi gastigi nin. Pere de nia gvidanto mi demandas al unu edzino kiun metion ŝia edzo havas. Ŝi respondas, ke li laboras en elektra stacio kaj ke li gajnas tage po $ 3,— ($ 1,— = I popolĉina dolaro = 1,57 gld.)

Post la agrabla vizito ni, ĉirkaŭita de amaso da ĉinaj infanoj, ankoraŭ iom trapromenas la kvartalon. La gvidanto rakontas, ke en Ŝanghajo estas 12 tiaj novaj kvartaloj kaj ke ĉiu havas ĉ. 30.000 enloĝantojn (tuta Ŝanghajo ĉ. 3.500.000 da enloĝ.) En ĉiu kvartalo estas kelkaj ludejoj por infanoj kaj junuloj. Dum nia plua veturado ni vidas ankaŭ pli luksajn domojn. La gvidanto rakontas, ke en tiuj domoj loĝas direktoroj, kuracistoj k.s. La luprezo dependas de la grandeco de la domoj : kutime ili kostas ĉ. 8-12 $-cendojn p/m² ĉiumonate. Tiel ni atingas la temon de la salajroj. Jam en la urbo mi vidis kelkajn prezojn. Mi ekscias, ke la meza mongajno sumiĝas $ 80,— monate. Ĝenerale laboristo gajnas $ 70,— ĝis $ 100,— ĉiumonate, kuracisto $ 250,— ĝis $ 300,—, instruisto $ 150,— ĝis $ 250,—, direktoroj $ 1000,— ĝis $ 2000,—. Tiujn direktorojn aŭ entreprenestrojn oni nomas en Ĉinio la ĉina kapitalistaro. Certe vi opinias la mezan salajron tre malalta. Vere, ĝi estas, sed por bone juĝi oni devas scii kelkajn kostojn kaj prezojn. La necesaĵoj estas ne karaj, sed luksaĵoj estas ekstreme multekostaj. Tiel ekz. la lupago por domo estas proks. nur 5% de la salajro (komp. en Sud-Afriko ekz. 25%); gasuzado $ 1,— ĉiumonate; ŝuoj $ 15,—; kaŭĉukaj ŝuoj (basbalŝuoj) $ 2,68; biciklo $ 161,—; sed poŝtmarkalbumo 10-paĝa po $ 4,— (luksaĵo !). Intertempe la aŭtobuso jam haltas en la korto de la "Sovet-Ĉina-Amikec-Domo", bela pompa konstruaĵego. Sed, alproksimiĝinte, ni vidas ke tio estas ŝirita pompo, ĉar kaj muroj kaj plankoj kaj plafonoj estas plenaj de fendoj. Oni preskaŭ timus eniri ĝin. Fiere la gvidanto rakontas ke en 1955 oni konstruis la tutan grandegan palacon en nur dek monatoj. Efektive oni konstruis ĝin iom tro rapide ! La cemento en la fendoj estas, pro la granda kvanto de ili, cikatroj en la imponeco de la palaco. En la konstruaĵo estas multaj belaj haloj

kaj salonegoj por kunvenoj, ekspozicioj kaj prezentadoj. Sur la konstruaĵo estas surtegmenta promenejo, de kie oni havas belegan panoramon super la urbo. Tie supre estas ankaŭ impona monumento, antaŭ kiu oni fotografas nin, kaj belaj orkovritaj turetoj.

De la Amikecdomo ni iras ankoraŭ momenton al la Ĵade Budho Templo, kie ni admiras la kamforlignan statuon de la Ĵade-Budho Sakayamuni de Birma (1,90 m alta & 1,34 m larĝa) kaj la ŝrankegon kun la 7.200 volumoj 250-jaraj, kiuj kune formas la tutan Sanktan Skribon.

Jam vesperiĝas kaj la aŭtobuso nun rapidiras rehejmen. Kvankam Ŝanghajo kun siaj grizaj sengajaj konstruaĵoj kaj malbona stratlumigado (lumreklamo tute mankas) donas malĝojan kaj tristan bildon, tamen la homoj mem lasis ĉe mi agrablan impreson. *K. Ruig*

N.B. Aldonita al la artikolo de S-ro Ruig estis desegnaĵo pri domplano, kiun ni pro teknikaj kialoj bedaŭrinde ne povis enpresigi.

**KRUCVORTENIGMO**

**HORIZONTALE :** 1. Muzika ritma melodio (R) — 4. Centra parto de rado, en kiu oni enigas la radie dislokitajn stangojn k en kies mezon oni metas la akson, ĉirkaŭ kiu okazas la rotacio de la rado (R) — 7. Rimedo, procedo, metodo uzata por fari — 9. Sufikso esprimanta ĝeneralan ideon de naskiteco — 10. Flava metalo, tre densa, facile fadenigebla, multvalora, kiun oni uzas por juveloj k moneroj (R) — 11. Sufikso almetebla al ĉiaj radikoj k esprimanta per si mem la agon de ia kaŭzo, ne precizigante la manieron, kiel efikas tiu kaŭzo, per peto, ordono, trudo aŭ interna neceseco — 12. Sufikso signifanta unu el la konsistigaj elementoj de tutaĵo — 13. Interj. servanta por kuraĝigi aŭ atentigi pri io sekvanta — 15. Sufikso signifanta vivantan estaĵon karakterizatan per tio, kion esprimas la radiko — 17. Tre venena fungo, g. de agarikacoj — 20. Prepozicio sekviganta substantivon, adverbon aŭ infinitivon, k esprimanta : Celon — 21. Ĉiu parto de teatra verko, ludata de ĉiu aparta aktoro (R).



**VERTIKALE :** 1. Havi inklinon por iu, ŝati kare iun — 2. Ĥemia elemento, tre malofta metalo, rimarkinda pro radiado kies atompezo estas 226,0 — 3. Sufikso esprimanta ĉe estaĵoj la sekson organizitan por naski idojn — 4. Adv. esprimanta foreston, mankon de la priparolata ago aŭ eco — 5. Nutra fekulo eltirita el radikoj de kelkaj tropikaj plantoj — 6. Simpla elemento, metaloido (R) — 8. Sufikso signifanta ĝenerale tion, kio servas por efektivigi ion k montranta la instrumenton, aparaton aŭ organon servantan por plenumi la agon esprimatan de la radiko — 13. Leg. el fam. kruciferoj, kies tubera radiko estas manĝebla (R) — 14. Sufikso uzata por derivi numeralojn, el kiuj ĉiu prezentas parton de koncerna nombro supoze dividita en tiom da egalaj partoj, kiomfoje la radiknombro enhavas la unuon — 16. Herbaĉo el fam. gramenacoj (R) — 18. Sufikso esprimanta kolekton da samspecaj estuloj aŭ objektoj, kiuj estas esence ligitaj inter si k formas unu apartan tuton, unu kolektivan objekton — 19. Ago iri (R).

(Osvágrio Rodrigues)

# La Kantaĵo de la Ondo (1)

Mi kaj la bordo estas du geamantoj, kiujn proksimigas la pasio, kaj disigas la vento. Mi venas el malantaŭ la blua horizonto por miksi la arĝenton de miaj ŝaŭmoj kun la oro de liaj sabloj, kaj por mildigi la varmecon de lia koro per mia salivo.

Je la tagiĝo mi deklamas la aman versaĵon al la aŭdado de mia amato, kaj li ĉirkaŭpremas min sur sian bruston. Vespere mi ekkantas la preĝon de la sopiro, kaj li min kisadas ameme.

Mi estas malkvieta, malpacienca, kaj mia amanto estas asociito de la kvieteco kaj amiko de la pacienco.

Kiam la fluso venas, mi ĉirkaŭpremas mian amanton; poste la malfluso sekvas, kaj tiam mi min ĵetas ĉe liajn piedojn.

Kiom mi dancadis ĉirkaŭ la sirenoj, kiam, elirinte el la profundoj, ili sidadis sur la ŝtonegoj por rigardadi la stelojn ! Kiomfoje mi aŭdis enamiĝinton plendantan pro amo al belulino, kaj mi helpis lin ekĝemi kaj veadi ! Kiom mi karesadis la ŝtonegojn dum ili restis senmovaj !; kiom mi petoladis ridante ĉirkaŭ ili, kaj ili eĉ ne ridetis al mi !

Kiom ofte el la mara abismo mi savis korpojn kaj reportis ilin al la vivantoj ! Kiomfoje el la profundoj mi perlojn rabis kaj donacis al la belulinoj !

En la sereneco de la nokto, kiam la kreitaĵojn ĉirkaŭpremas la spektro de la dormo, mi vigladas jen kantetante, jen ekĝemante.

Ve ! La viglado jam konsumis min; — sed mi estas amanta, kaj la realo de la amo estas vekiteco. Tia estas mia vivo, kaj tiel mi agados.

*(El la araba lingvo tradukis Jorge Abraham-Argentino)*

(1) Ondo estas viringenra, kaj bordo virgenra en araba lingvo.

# Novaj Libroj

Duope ricevitajn ni recenzas; unuope ricevitajn ni nur mencias.
*) ricevebla ĉe U.E.A.

*HOMOJ KAJ RIVEROJ* de Johan Hammond Rosbach. Originala novelaro. Eld. KOKO, Kopenhago, 1957. 140 p. 20.5 × 13. Prezo : 7,20 gld; 28,80 steloj.*

Oni legis lastatempe, precipe en "Heroldo", kelkajn energiajn postulojn, ke niaj eldonejoj eldonu "popularajn prozaĵojn" anstataŭ kulturaj verkoj, ĉar tion deziras legi la granda amaso de esperantistoj. Se la publika postulo kaj aĉetemo rilate viglajn modernajn prozaĵojn en relative malkompleksa lingvaĵo estus vere tiel grandaj, kiel pretendas ties laŭtvoĉaj advokatoj, tiu ĉi volumo devus esti jam delonge elvendita. Sed mi ne aŭdis, ke tio okazis. Kontraŭe, por nuraj 28,80 steloj ĉiu esperantisto ankoraŭ povas havigi al si la libron, kaj mi opinias, ke li devus tion fari. Niaj originalaj prozaĵoj ne estas tro oftaj, kaj ni devus kuraĝigi niajn prozverkistojn per aĉetado de la libroj, kondiĉe, ke tion farante ni ne malŝparus nian monon. Aĉetante ĉi tiun *Homoj kaj Riveroj* ni nepre ne malŝparas nian monon, sed kontraŭe ni ricevas kolekton de interesaj kaj legindaj noveloj, kiujn povas flue legi kaj ĝui ĉiu iom progresinta lernanto. La lingvaĵo de Rosbach ne estas tiel vigla kaj ŝaŭma, kiel la lingvaĵo de Szilagyi aŭ la fratoj Rossetti, tamen ĝi havas firman spinon kaj propran agrablan koloron. La etoso de la noveloj estas tute moderna, kaj ili tuŝas senpere la aktualon. Sensaciaj ili ĝenerale ne estas, sed kompense ili aromas realecon, kiu kapablas penetri ĝis la medolo de la ĉiutaga neĉiutageco; ili povas per simplaj rimedoj prilumi la ordinaran homan spiriton. Kaj tio ne estas bagatelo.

La kolekto ampleksas dudek novelojn kaj skizojn, kaj ampleksas tutan gamon ekde sprito ĝis tragedio. Iusence la plej sukcesa, kvankam (kun escepto eble de "Karoto") la plej nereala, t.e. aranĝita, estas la siatempe premiita en Belarta Konkurso "La junulino, la ĉapelo kaj mi". (Kaj eble, cetere, "Karoto" ne estas tute nereala, ĉar nun mi memoras, ke iu agrabla boparenco mia foje faris similaĵon por akiri tranoktejon senpagan !) Plej sensacia estas "Bravulino", kiu pritraktas torturadon far la gestapo; interese tion kompletigas "Bildo rompiĝis". Belan nostalgion prezentas "La japana tetasaro" kaj "Gastoj ĉe ni"; malfortaĵojn de la homa karaktero rivelas al ni "La kurba betulo", "Fajro" kaj "Gazelaj kruroj". Kortuŝa estas "La lasta tagiĝo", en kiu la aŭtoro bonvenigas sian patron...... mortintan. Filozofiaj estas "Cigna Kanto" kaj "Koloro". Entute oni ne povas plendi pri unutoneco de la materialo. La legaĵo bonege adapteblas laŭ la humoro de la leganto.

Mi opinias, ke bona rekomendo por bona libro tre ofte estas specimeno. Kion vi opinias pri jeno ? :

"Mi kompreneble rakontis al la episkopo, ke la celo de mia vizito en la urbo estas lasta vizito ĉe mia mortonta amiko, la forĝisto. La episkopo respondis, ke li antaŭ semajno eksciis pri la malsano de la forĝisto.

"Mi komencis preĝi por li," diris la episkopo......

"Mi estis tre feliĉa pro tio. Ĉiu mortonto bezonas preĝojn. Kaj preĝo de episkopo certe estas tre valora. Mi sciis, ke la forĝisto certe same pensus, se li scius pri la preĝoj de la episkopo."

Sed mi ne povis ne pensi pri la situacio, kiu ekestus, se la episkopo estus mortonta — kaj la forĝisto komencus preĝi por li. Tiam subite mi ekhavis valoran scion, ke preĝoj de forĝisto estas same valoraj kiel preĝoj de episkopo — kvankam la episkopo estas kvazaŭ fakulo pri preĝoj !"

La libro estas belege presita kaj bindita. Ne domaĝu elspezi la tre moderan sumon, kiu havigos ĝin al vi.

*W. Auld*

*ESZPERANTÓ NYELVKÖNYV Esperanto-lingvolibro de Gyula Baghy. Aperis en la serio de "Tanuljunk nyelveket!" (Ni lernu lingvojn) de Tankönyvkiadó, Budapest, 1959. (Hungarujo).*

Post pli ol dekjara silento denove aperis Esperanto-lernolibro en Hungarujo. Ĝi estas iom pliampleksigita kaj por la nunaj cirkonstancoj transformita lernolibro de *Julio Baghy* laŭ ties dua eldono. La lektoroj : D-ro K. Kalocsay, L. Márton kaj Prof. J. Reininger certe devis fari gravan laboron, ĉar post la ampleksa enkonduka leciono, klarigante la alfabeton kaj la prononcadon, la 32 ĉapitroj per bildoj kaj tekstoj ne nur instruas la gramatikon de la lingvo kun vere taŭga vorttrezoro. Ili ankaŭ gvidas la lernanton tra la vivo de la nuna popoldemokrata lando. La multaj ekzemploj, ekzercoj kaj la 18 paĝa literatura parto certe interesos tre multajn, kiuj cetere ne komprenas la hungaran lingvon. Ni povas agnoski kaj aprezi la gravecon kaj la valoron de tiu ĉi nova, progresema lernolibro ne nur en Hungarujo, sed ankaŭ aliloke, kie oni volas partopreni la evoluon de la nuna tempo kaj koni ties pulsantan vivon, ties vortojn kaj animon ! La iom ne modernaj ilustraĵoj kaj la muziknotoj de la "Espero", kaj de la grupa himno "Nova Sento" de Baghy-Pallós eĉ pli valorigas la verkon de S-ro Baghy. La tradukoj de la ekzercaj tekstoj ĉe la fino ebligas ankaŭ la memlernadon, la hejman kontrolon.

Ĝian necesegon pruvas, ke el la 5500 ekzempleroj la pli multo jam estas forvendita, do tiel la eldono fare de la ŝtata lernolibro eldonejo hungara, kiel ĝia vasta uzado pruvas la seriozan progreson de la Esperanto-movado en Hungarujo.

*P. Balkany*

*ESZPERANTÓ-MAGYAR KÉZISZÓTÁR Esperanto-hungara manvortaro de Kálmán Kovács. I-a parto. La plej ofte aperantaj vortoj. Eldonis "Vajdasági Eszperantó-Szövetség" (Vojvodina Esperanto-Ligo) Novi Sad, 1957.*

Tiu ĉi 170 paĝa vortaro pruvas la seriozecon kaj forton de la jugoslava Esperanto-movado. Krom la kroataj, serbaj kaj slovenaj lernolibroj kaj vortaroj eĉ por la tiea hungarlingva loĝantaro necesis eldoni apartan vortaron kaj ni devas aldoni : tre bonan kaj uzindan. Precipe menciinde estas, ke ĝi aperis en tempo, kiam en Hungarujo depost pli ol dek jaroj, ne aperis kaj ne estis ricevebla Esperanto-vortaro. La pli ampleksaj vortaroj de la Akademia eldonejo en Budapest aperis nur en la sekvantaj jaroj ! La bone presita simpla poŝvortaro enhavas proksimume dumil vortradikojn, kiuj plej ofte estas bezonataj kaj ties proksimume 8000 plej gravajn derivaĵojn. La aŭtoro deklaras, ke la vortojn konatajn el la gepatra lingvo (kiel ekz. aŭto, citrono, poŝto, telefono, k.t.p.) li forlasis, do la vortoj konigitaj povas kontentigi la uzanton. Laŭ la antaŭparolo II-a parto enhavos la ceterajn ĝenerale uzatajn vortojn kaj tria parto estos scienca kaj teknika vortaro. Espereble ili aperos por kompletigi la unuan parton. La kompletigoj estus utilaj ankaŭ en tiuj najbarŝtatoj, kie vivas hungaroj.

*P. Balkany*

---

*La redakcio informas,* ke pro tro multe da materialo por ĉi tiu numero, ni estas devigataj prokrasti kelkajn recenzojn kaj la rubrikon "Esperantista Vivo" ĝis junio.

*Kirsten Zacho*

